**Ĉefredaktoroj:**
*Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay*
**Redaktoroj:**
*Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche*

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloš Lukáš (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. E. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio: Kolomano Kalocsay, Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



La junia numero de nia gazeto aperos la 27-an de la monato

# MALLONGA OBSERVO PRI LA CELADOJ DE ESTONAJ LITERATURO KAJ ARTO

Rigardante la celadojn de la estona spiritvivo dum la lastaj jardekoj, ni notu iliajn nunajn reprezentantojn el tri generacioj : pli maljuna, meza kaj pli juna. En la literaturo ni devas mencii kiel reprezentantojn de la pli maljuna generacio la nomojn : *Eduard Vilde* kaj *Ernst Peterson*, pioniroj de realismo en la estona literaturo, kaj *August Kitzberg*, kreinto de artmaturaj teatraĵoj, al ili ni eble devas kalkuli ankaŭ jam la nuntempan produkteman kreinton de konsiderindaj, ĉefe sociajn temojn pritraktantaj romanoj, *Mait Metsanurk*. En la cetera arto al ili aliĝas kiel plej rimarkindaj skulptisto prof. *Amandus Adamson* kaj pentristoj prof. *J. Köler* kaj *Ants Laipman*. En la literaturo la plej grava parto de la kreado de la pli maljuna generacio apartenas al la periodo, en kiu sur la areno de la spirita batalo aperis la nunaj reprezentantoj de la meza generacio, ĉefe kuniĝintaj ĉirkaŭ la grupiĝo »Noor-Eesti« (Jun-Estonio).

La tempo de la estiĝo de »Noor-Eesti« koincidas kun la Rusa revolucio de la jaro 1905-a kaj perdas sian sole regantan literaturan influon dum la Rusa revolucio de jaro 1917-a. Do la agado de »Noor-Eesti« estas premita en la interspacon de du revolucioj, kaj ĉi tiu stampo estas ankaŭ klare videbla en ĝia kreado. Dum la revolucio de la 1905-a jaro en la Ruslandan mucidan atmosferon venis diversaj freŝaj ekblovoj el Okcidenta Eŭropo, ĉefe en formo de socialismaj ideoj, kaj tiel estas nature, ke ankaŭ la anoj de »Noor-Eesti«, instigate de la fajranima poeto *Gustav Suits*, akceptas kiel devizon »Ni iĝu eŭropanoj !«. Tiel pereiga kaj mortiga estis la spirito, reganta sur la Sarmatiaj ebenaĵoj, ke la estona spirita vivo povis akiri vivrajton kaj vivoforton nur, eŭropiĝante pli rapide ol antaŭe.

El la grupiĝo de »Noor-Eesti« estas nomeblaj kiel plej gravaj la jam menciita poeto, nuna profesoro de la universitato, en Tartu, *Gustav Suits* (la senmorta aŭtoro de »Vivofajro«), *Friedebert Tuglas* (nesuperebla kreinto de mitoj bonega stilisto kaj kritikisto), *A. H. Tammsaare* (aŭtoro de la konata romano »Vero kaj praveco«), *Karl Ast-Rumor*, *Ernst Enno* k. a. El la pentristoj meritas mencion *Konrad Mägi*, nesuperebla sorĉa surtoliginto



***Nikolai Triik :*** ***Portret-desegno***



A. Alle
en Vesto ŝelblua



A. Gailit
kiel Toomas Nipernaadi



H. Visnapuu
kiel drako „Pisuŝänd"



J. Semper
kiel Ĉokomotivo

## O. Krusten: Lasta modo en la estona literaturo

de impresionismaj pejzaĝoj, *Nikolai Triik*, plej bona portretisto en la nuntempa Estonio, *Roman Nyman* kaj aliaj.

Freŝaj ide-ekblovoj kaj pli intensa kreado ekaperas dank' al alia grupiĝo dum la tagoj, sekvintaj al la revolucio de la jaro 1917.-a. Tiu ĉi grupiĝo, nomata »Siuru« (Miraklobirdo) funkcias fakte nur mallongan tempon, ĝis la unuaj jaroj de la sendependeco de Estonio, tamen ĝi estas plena je fortabundo kaj junspirito, aldonas multon al la ĝistiamaj atingajoj kaj estas dume nesuperebla koncerne la evoluadon de la estona poeziformo, levante ĝin de la nivelo, fiksita de la renaskiĝ-epoka poetino *L. Koidula*, ĝis la plej altaj atingajoj de la poeziarto. — El ĉi tiu grupiĝo ni menciu la poeton *Henrik Visnapuu*, kies »Amores« per sia subtila formo kaj jen kortuŝa liriko, jen maldelikata sarkasmo, elvokas sensacion en la estona literatura vivo. Saman sensacion estigas ankaŭ la poetino *Marie Under* per siaj »Sonetoj«, kies kuraĝa esprimiĝo kaj prikantado de la nuda beleco de virino kaj amo elvokas en la tiama kritiko akrajn disputojn. Ankaŭ meritas atenton *Artur Adson* per la molsoneco de siaj dialektaj versajoj, same *Henrik Adamson*, majstro de pikaj epigramoj *August Alle* kaj la produktema kaj en sia verkado sendependa poeto kaj prozisto *Jaan Kärner*. El la prozverkistoj de »Siuru« meritas la unuan lokon *August Gailit*, kies »Karuselo de satano« rapide famigas lin (nuntempe li estas favorato de la publiko pro sia vagabond-romano »Toomas Nipernaadi«). En la plej intensa agadperiodo de »Noor-Eesti« estas eldonataj duafoje la poeziajoj de *Juhan Liiv*, poeto-samtempulo de la malnova generacio. Tiu ĉi verkisto estas kaj restos unika en la estona parnasanaro, kaj lia malfeliĉa sorto estas komparata kun tiu de Aleksis Kivi el la finna literaturo. En la komenco de la agadperiodo de »Siuru« la literaturamantoj konatiĝas ankaŭ kun la plej originala estona novelisto *Jaan Oks*, kies serĉanta kaj ĉiam maltrankvila spirito notis kaj signis multon novan kaj instigis al retaksado de la ĝistiamaj valorajoj.

La pli juna generacio elpaŝas sur la literaturan batalkampon dum la unuaj tagoj de la sendependeco de Estonio (kaj ĉar la atingajoj kaj ideoj, retaksadoj kaj serĉadoj de tiu ĉi periodo iĝis fundamento por la nuntempaj estonaj kulturceladoj, ni haltu ĉe ili iom pli longe). — Se la meza generacio rikoltis laŭrojn per sia estetikado kaj ĉefe poeme, la pli juna generacio direktas sin kun preskaŭ komuna aktiveco al beletristika proza formo kaj samtempe ankaŭ de intuicia, spontana maniero de verkado al pli konstrua verkado, ŝatante grandampleksajn romanojn. — Estas klare, ke tion ĉi akcelis la milito, haltado en la kulturvivo, krudiĝo de la homoj en superhomaj militsuferoj — entute tempo, plena je protestoj kontraŭ la malnova mondo, iginta tiom suferi la homojn. Estas nature, ke ankaŭ la ekĝermanta verkado ne povas ne respeguli tiujn ĉi protestojn kaj la volon je io pli nova, pli justa kaj pli homeca. Speciale ĉi tio estas rimarkebla ĝuste en la literaturo, kie nun floras forta socia tendenco anstataŭ la ĝistiama arta tendenco, aspiranta individu-kulturon.

Unuafoje la nova spiritdirekto eliras sur la batalarenon en 1920. kiam *Albert Kivikas*, preskaŭ samtempe kun siaj unuaj verkoj, aperigas ankaŭ sian literatur-kritikan manifeston »For la lirikan ĉokoladon!«, en kiu estas esprimita akra malaprobo kontraŭ la formŝatoj de »Siuru« kaj »Noor-Eesti«. En ĝi estas atakataj »estetikistoj«, t. e. la tiamaj plej bonaj estonaj poetoj-verkistoj (Under, Visnapuu, Semper, Tuglas, Gailit k. a.).. — »Sufiĉas la florumado!« vokas la nova spirito en la manifesto de Kivikas, »sufiĉas la dolĉaj lunlumaj revoj, oni kantaŭ ankaŭ pri sterko, oni donu ankaŭ foje nutran karbonadon!« — Kaj tiun ĉi karbonadon Kivikas ja donis mem en siaj verkoj, en formo de krudaj kaj maldecaj esprimoj, en formo de sangaj tiutempaj bildoj kaj notado de la agado de homo-lupo (vidu: »Literatura Mondo«, I periodo, »Kadavro«, »Ovo« k. a. tradukoj).— Malgraŭ ĉi tiu moderneco la nova spirito tamen direktas sin al kamparana romano kaj en vilaĝan medion, male al »Noor-Eesti« kaj »Siuru«, kiuj havis la tendencon de urba inteligentula movado kaj en kiuj oni penis evolui laŭ Eŭropaj ekzemploj. Tiun ĉi vilaĝrealismon, kiun dum la periodo de »Noor-Eesti« volonte pritraktadis apud ĝi la ceteraj disaj literaturistoj (Ed. Vilde, E. Peterson. J. M ndmets, Mait Metsanurk), kiun tamen oni ĝenerale ne opiniis sufiĉe taŭga por utiligo laŭ arta vidpunkto, ĉi tiun kamparan-temon kune kun Kivikas *Peet Vallak kaj Juhan Jaik* kunigas kun stilnovigajoj kaj havigas al ĉi tiu temo apud la estetika flanko plenan vivrajton kaj eĉ pli. Estas plene ilia merito, ke en la estona literaturo verkoj, traktantaj pri kamparantemoj, iĝas pli formoriĉaj, kamparanecaj, laboristecaj kaj stiligite pli popolecaj.

Nur pri la laboristo okupas sin junulara grupiĝo, nomata Aktsioon« (Aktiveco). Tamen ion speciale konsiderindan kaj menciindan ĝi ne estas produktinta. — Same ankaŭ alia maldekstrema grupiĝo, penanta kunligi la celadojn de literaturo kaj arto kun la laborista movado kaj klopodanta harmoniigi la individuecon de la arto kun la kolektiveca direkto de la sociinstruo. Tamen rimarkindajn atingajojn ankaŭ ili ne havas. (El tiu grupiĝo oni povus por la konatigo de la afero nomi la poeton kaj kritikiston *Nigol Andresen*).

El la aliaj lastjaraj debutintoj meritas mencion *Joh. Schütz*, kies versajoj pritraktas plejparte pli ampleksajn temojn, kie li senartifike kaj sincere tuŝadas vivokazajojn, — *Vilmar Adams*, la simboleco de kies versajoj estas malpeza kaj iom naive plaĉa, — *Hendrik Adamson*, kiu el la pli juna generacio staras plej proksime al »Noor-Eesti« kaj kies vortoj havas lirikan kaj inĝenian tonon, donante belsonecon kaj miksritmon. Kiel epika lirikisto kaj formoriĉa kaj realisma priskribanto de mara vivo estu menciata *Julius Oengo*.



E. Hubel (M. Metsanurk)
kiel Filo de Generalo



J. Barbarus
kiel Aeroplano



A. Kivikas
kiel Novbienulo



F. Tuglas
kiel Androgino

## O. Krusten: Lasta modo en la estona literaturo

Parolante pri la lastaj jaroj, ni devas noti ankoraŭ unu interesan fakton. Tio estas antaŭe nevidita abundeco de romanoj, kiun elvokis roman-konkurso, anoncita de iu eldonejo (»Loodus«). Al la kvar ĝis nun aranĝitaj konkursoj estas senditaj multe pli ol 100 konkursverkoj kaj el ili premiitaj kaj aperigitaj pli ol dekduo da romanoj. Kaj la aŭtoroj de ĉi tiu dekduo estas preskaŭ senescepte komencantoj. Ili estas komencantoj, kiuj devas per sia estonta verkado ankoraŭ montri, ke ili kapablas esti vivipovaj. Ĝis nun montris ĉi tion ĉefe tri nomoj: *August Jakobson, Reed Morn kaj Pedro Krusten.* Ankaŭ ĉe aliaj reprezentantoj de la juna generacio, montriĝas granda impeto de interesoj kaj malleviĝo al esplorado de malvastaj homanimetoj, troviĝantaj spirite kaj anime sur malalta ŝtupo de moralo kaj de la mallumaj flankoj de la sociaj malbonaĵoj, de ili diferenciĝas iom la verkistino *Reed Morn* kun sia sarkasma kaj supereca stilo. La unua verko de *A. Jakobson*, la laborista romano »La antaŭurbo de mizeraj pekuloj kaj »Talenta Parazito« de *Reed Morn* okupas sendube kiel tiaj la unuan lokon en la tuta nuntempa estona literaturo.

En iu kritiko estas dirite, ke ĉiu rakontkapabla homo povas verki almenaŭ unu kontentigan romanon — el sia vivo. Pli gravaj tamen estas talento kaj ankoraŭ pli grava *matureco*. Tial estas ankaŭ komprenebIe, ke la plej valoraj el la produktaĵoj de la lastatempa estona literaturo apartenas al la meza kaj pli maljuna generacioj. Tie ĉi staras, dume ne superite, *A. H. Tammsaare* kun siaj romanoj »Vero kaj praveco« kaj »La Mastro de Korboja« kaj la teatraĵo »Judit«, *August Gailit* kun siaj antaŭe menciita romano kaj noveloj; el la poetoj *Marie Under* el kies poemaroj ni notu kiel tre bonajn »Voĉo el la ombro«, »Feliĉ-ombriĝo« kaj »Gojo pri unu bela tago«. El la pli maljuna generacio estas ĝis nun ne superitaj la dramoj de *August Kitzberg* (ni notu »Lup-homo«) kaj *Eduard Vilde* (romano »La laktisto de Mäekiila«, komedio »Pisuhänd«).

Tute ekster ĉiaj grupiĝoj estas unu el notindaj verkistoj *Hugo Raudsepp* (Milli Mallikas). Li estas doninta plurajn bonajn kaj sukcesplenajn teatraĵojn pri aktualaj temoj. Ni notu la dramon »Ĉe la vojsigniloj de Sinaj«, »Sinimandria« sed famigis lin la jam pli ol 100-foje sur sama scenejo prezentita »Mikumärdi«. Tio estas vere preskaŭ klasika komedio laŭ kamparana temo, pri antagonismo aŭ harmonio inter riĉa kaj malriĉa vilaĝanoj, inter kamparo kaj urbo, inter religio kaj politiko. Tiu ĉi teatraĵo estas kun sama sukceso prezentita ankaŭ en Latvio kaj Finnlando kaj estas enscenigata en Litovio.

Ĉio, kio estas trovebla en la ĉi-supraj aludoj pri la serĉadoj de literaturaj stilo aŭ direkto, plene validas ankaŭ rilate al la pentro kaj skulptarto. »Noor-Eesti« penas ankaŭ ĉi tie per sia firma lozungo krei pli unuecan direkton. Sed la celadojn de »Noor-Eesti« baras la eksplodanta mondmilito, fermanta ĉiujn fenestrojn al ekstero. Tial oni estas devigita vivi kvazaŭ en sako, apartigite de la cetera mondo kaj ĝiaj spiritceladoj. Tiam oni sentas malsaton kaj soifon, sentas mankon de aero kaj sopiras je vasteco. La interrilatojn kun la cetera mondo ebligas la germana okupacio. La okupacio, estante politike kaj ekonomie plej peza ŝarĝo por la multe suferinta popolo, malfermas kiel la unua en la spiritsferoj ree la fenestron kaj ebligas jeti rigardon el la senelirejo de baraktadoj al pli vastaj aferoj. Estas nature, ke tiam kiel la unua trovas entuziasman akcepton *ekspresionismo*, novaj arto kaj literaturo, kreiĝintaj en la suferoj de la germanaj milito kaj revolucioj. En la grupiĝo »Siuru« ĝi trovas siajn unuajn adeptojn en la personoj de pentristo *Ado Vabbe* kaj poetoj *Joh. Barbarus* kaj *J. Semper*. Sed poste, kiam Estonio sendependiĝis kaj jam trapasis la zonon de la franca-angla okupacio, la rigardoj direktiĝis ree al la malnova artcentro Parizo, tien oni celas, tien oni iradas are por lerni. Oni ekvidas, ke la fonto de ekspresionismo tute ne estas tiel neelĉerpebla, kaj oni retaksas multon, montrante ĉe tio ĝenerale bonan iniciaton, serĉadvolon kaj eksperiment-kuraĝon.

La artistaro estas nun grupiĝinta ĉefe ĉirkaŭ kvar unuiĝoj. Tio estas »Centra Unuiĝo de Estonaj Pentristoj kaj Skulptistoj« »Asocio de Estonaj Artistoj«, artunuiĝo »Pallas« kaj Grupiĝo de Estonaj Artistoj. Ĝenerale ĉio, kio estas juna kaj nova en la evoluado de la lastaj jaroj, apartenas ĉefe al »Pallas« kaj al la Grupiĝo de Estonaj Artistoj.

Ni notu la plej konsiderindajn nomojn: el la meza generacio pentristoj — Nikolai Triik, Pest Aren kaj A. Jansen, skulptistoj — Jaan Koort, A. Starkopf kaj V. Melnik. El la pli nova generacio »Pallas-anoj« pentristoj — Viiralt, Bergmann, Liivak, Kuno Veber, Laigo, L. Starkopf-Mey, Põllusaar, Luts, Adamson-Erik, Teder; skulptistoj — Sannamees, Halliste, Zolk, Mihkelson, Tehvan, Ilus; grafikistoj — Natalie Mey, Mugasto, Johani. Kaj el la grupiĝo de Estonaj Artistoj — J. Vantra, Ole, Blumenfeldt, Olvi, Laarman kaj Johansen kiel pentristoj kaj J. Raudsepp kiel skulptisto. El la menciitoj plej proksimaj al ekspresionismo estas nun la anoj de la Grupiĝo. Ĉar laŭ iliaj konvinkiĝoj artaĵo devas esti »ne nur esprimo de sentoj kaj kapabloj, sed ankaŭ produktaĵo de intelekt-laboro.«

Finante ĉi tiun detal-malriĉan kaj suprajan nomcitadon — observon pri la estonaj artceladoj,*) ni menciu per kelkaj vortoj ankaŭ la estonan junan bezon-arton, en kiu estas utiligataj ĉefe popolartaj elementoj. Servante al la nuntempaj bezonoj, oni serĉas ĉi tie kunligon kun la malnovaj popolecaj tradicioj kaj aspiras kreon de *estona stilo*. En multaj kampoj tio donis bonajn rezultojn, ĝeneralan simpation kaj aprobon. Ni notu nur la A. S. »Kodukäsitöö« (Hejmlaboro) kaj la led- kaj bindlaborejon de A. Taska.

A. J.

*) Ja estas aperonta Esperanta »Estona Antologio«, en kiu interesitoj povas trovi pli precizajn informojn.

# LA PERLOSERĈANTO

— AUGUST GAILIT —



ost plurtaga migrado laŭ landvojoj kaj arbaroj li atingis altaĵon, de kie ekvidiĝis valo. La suno brilis oblikve super la vesperaj kampoj kaj herbejoj. Malantaŭ la malproksimaj arbajoj bluis la maro. En la densejo de alnoj kaj padusoj serpentumis rivero liadirekte kvazaŭ babilema knabino dum hejmeniro. Sub la senfoliaj arboj vidiĝis la ruĝaj tegmentoj de la bienkonstruaĵoj, — super ili la hirundoj are rondflugadis. Pli malproksime leviĝis la blanka preĝejturo kaj la pastrodomo, ŝirmita de tremoloj. La printempa vespero estis plena je poleno kaj rezinodoro.

Enpense li rigardis tien. Li eĉ ekridetis kaj rapide malsupreniĝis.

Li estis altkreska kaj malgrasa, la vizaĝo estis sunbruligita kaj tendena, la granda, kurba nazo aspektis kvazaŭ transversa hakilo. Li paŝis kokete saltante kaj rapidmoviĝante kvazaŭ pigo, la longaj brakoj svingiĝis, kvazaŭ flagoj en la vento. Liaj piedoj surhavis altajn botojn, grandajn kaj bruantajn kiel harmonikoj. Ĉekole pendis harpo, kaj plian havaĵon li eĉ ne kunhavis. La larĝa brusto estis malkovrita, la nigra ĉapelo estis nuken ŝovita. Kaj li iris fajfante kaj kantetante.

Atinginte la bienkorton li ekpurigis la botojn batante ilin per la ĉapelo kaj eksidis sur ŝtono. Sur la ĉielo leviĝis nuboj, fajre ekflamiĝante. Kukolo kantis kvazaŭ fervora sonorigisto, anoncanta sabatvesperon. La fenestroj ardis pro la vespera flamado.

Knabino venis de l'kampo kaj ekvidinte la fremdulon haltis antaŭ li. Ŝi havis blankajn kaj strabajn okulojn, la ruĝaj vangoj estis difektitaj de variolo. La helblondaj haroj pendis ĉirkaŭ la malpuriĝinta buŝo. La jupo estis suprenlevita ĝis la genuoj, la kotaj ŝuoj estis grandaj kvazaŭ padelboatoj.

— Kio estas via nomo, kara infano ? — la fremdulo demandis.

La knabino honteme kaŝis la okulojn.

— Tralla — ŝi respondis kaj ŝiaj dikaj lipoj distiriĝis je stulta rido.

— Rigardu do, kia beleta kaj belsona nomo, kiu estus povinta tion imagi, — la fremdulo ekmiris, — eble eĉ vi estas la mastridino de ĉi tiu bieno ?

— Tute ne, Tralla respondis, mi estas ĉi tie servistino kaj paŝtistino laŭ bezono kaj ordono. Oni eĉ insultas min ĉi tie idioto, Stulta-Tralla ili nomas min. Sed la mastridino nomiĝas Ello kaj ŝi estas fraŭlino. Ŝi estas fiera kaj riĉa, — la kampoj de la mastro etendiĝas ĝis la maro kaj eĉ tiuj malproksimaj arbaroj estas liaj. Kaj estas tiom multe da bovinoj kaj bovidoj, — la strabokuloj de la knabino iĝis grandaj, grandaj — ke neniu eĉ povas komputi la brutojn, efektive ne povas.

La knabino suspekte ekrigardis la junulon kaj serioziĝinte diris :

— Nun ja ĉio estos vana : la fraŭlino edziniĝos je la pastro, tiu ĉion ricevos. Sed la pastro estas tre serioza viro, li entute ne ridas. Li lamas per unu piedo, — ĉu ne estas ridinde ?

Kaj tiam kvazaŭ ektiminte pro sia malkaŝemo, ŝi subite turnis sin kaj ekkuris al la staloj. Tie ŝi de malantaŭ la angulo ankoraŭ sekrete alrigardis la junulon per siaj strabokuloj kaj saltetante forkuris.

La fremdulo ekridetis kaj eniris la bienon. Atinginte la ĉambron li diris :

— Mia nomo estas Toomas Nipernaadi,* eble la mastro havos laboron por mi, aŭ plugadon, barilriparadon aŭ ion similan. Veninte ĉi tien mi rimarkis, ke la barilo estas disfalinta kaj la korto estas plena je sterkokotaĵo kvazaŭ ĉe iu bieneto. Tiamaniere oni ja ne povas mastrumi en granda bieno !

Estis dimanĉo, la mastro sidis ĉe la tablo silabante gazeton. La mastrino kaŭris apud li kaj per malviglaj okuloj rigardis en la korton. Pasis sufiĉa longa tempo, antaŭ ol la mastro finis la legadon, formetis la okulvitrojn kaj leviĝis. Li malfermis la fenestron kaj ekkriis eksteren :

— Tralla, Tralla, malinda knabino, kie do vi kuŝaĉas, la bovo rompos la puton !

Kiam nenia respondo aŭdiĝis de la korto, li denove eksidis sur la benko kaj fine sin turnis al la fremdulo :

— De kie vi do venas kaj kiu vi do estas, fieraĉa viro ?

Toomas metis la harpon en la angulon kaj eksidis ĉe la tablo.

— Mi venas de malproksime, li respondis ĝoje, la mastro ne konas tiujn lokojn. Sencele mi migradas,

*) Pron. : Tómas Nipernádi.



J. Koort *Capo*

ĉi tie kaj tie mi vagadas kaj intertempe ankaŭ laboregas. Grandan salajron mi eĉ ne postulas, ni ja interkonsentos pri tio, kiam mi iam daŭrigos la migradon.

— Mi vin neniel bezonas, la mastro diris malserene.

— Li tamen povus resti, la mastrino diris kvazaŭ vekiĝinte, kien la homido tamen iru!

— Mi same opinias, kien li tamen iru! Toomas rapide interrompis la paroladon. Kaj kvazaŭ timante pluan priparoladon li prenis la muzikilon kaj ekludis gajajn melodiojn. Kaj pri tiu demando oni plu ne parolis.

Tiel li restis en la bieno.

Kaj tuj komenciĝis liaj klopodoj. Li travagis ĉiujn stalojn, provizejojn, li konatiĝis kun la servistoj kaj al ĉiu servistino li diris flataĵon. Nur en la ĉambron de fraŭlino Ello li ne kuraĝis eniri. Longtempe li staris antaŭ la duonmalfermita pordo kaj revenis. Li estis infane komika kaj eĉ timema. Super liaj grandaj okuloj la brovoj kreskis kvazaŭ arbustoj.

Dum la sunsubiro li eliris. Li paŝis laŭ kampvojetoj, kolektis florojn, fajfis kaj estis ĝoja. En lia sintenado estis io artista kaj naiva. Li rigardis la nubojn kaj ebriiĝis. Li promenis en la arbaro kaj aŭskultadis kaj tiam kvazaŭ ekmemorinte ion gravan, li kuris al la maro kaj ekĵetadis ŝtonetojn en la fluantajn ondojn. Tiel li sidis dum pluraj horoj. Nur je la noktomezo li malrapide ekpaŝis al la hejmo.

Sur la preĝej-vojo li renkontis Ellon.

— Mi salutas vin fraŭlino! Nipernaadi diris kaj ekprenis la ĉapon en la manon. Li haltis timigita, kaj ne trovis pluajn vortojn.

— Vi verŝajne estas nia nova servisto? la fraŭlino demandis.

— Jes, verŝajne, la junulo respondis, hodiaŭ mi ja venis en vian bienon. Li ial ridetis tutmiene.

Kaj tiam, sen videbla kaŭzo, li ekparolis:

— Rigardu do, kiel la printempaj steloj brilegas en la pala ĉielo! li ekkriis mangestante. La printempa arbaro estas plena je birdoj, floroj kaj eĉ la viperoj rampas sur la herbaltaĵetoj. Ĉu vi, fraŭlino, iam rigardis en iliajn okulojn, de proksime, de proksime? Kaj la luno naĝas super la arboj, kvazaŭ flava piero pendigita al la ĉielo. Kaj la padusoj jam finfloras: kuŝinte iom sub ili, vi baldaŭ estos kovrita de petaloj kvazaŭ per blanka neĝo. Estas io pasia kaj malsaneca en nia norda printempo: ĝi venas kvazaŭ ekblovo de l'ventego, detruante la glacikovraĵojn kaj neatendite surŝutante la arbarojn kaj herbejojn per milkoloraj floroj. Eĉ la arbotrunkoj kaj branĉoj plenas je ili. Ankoraŭ hieraŭ la suno kuŝis malalte kvazaŭ fulga, fumonigra lampo, sed hodiaŭ la neĝo jam estas forfluinta en la maron kaj la arbaroj estas plenaj je fajfantaj, pepantaj birdoj. Kaj al la homido okazas same: kiam ekestas printempo, oni neniel plu trovas trankvilon.

Kaj li tute alproksimiĝis al Ello.

— Al vi ne mankas aroganteco, la fraŭlino diris kolerete.

— Pardonu! Nipernaadi kriis ektiminte. — Verdire mi tute ne estas terkulturisto, mi eĉ ne scipovas labori per plugilo. Nome mi estas tajloro, vilaĝa tajloro, kiun oni transportas de bieno al bieno kvazaŭ duondifektitan draŝilon. Ho, Dio, pri nenio mi povas fieri, — mi kudras pantalonojn, surtutojn, eĉ iafoje peltojn kaj iel vivetas. Sed kiam ekestas printempo, mi ĉesas labori kaj ekmigras laŭ kampoj kaj marĉoj. Oni plu ne kapablas esti trankvila, nur ludu, fajfu kaj promenu sub la suno de Dio kvazaŭ gaja vagabondo.

La fraŭlino malŝate ekrigardis lin.

— Vi verŝajne tre ŝatas mensogeti? ŝi demandis.

— Rigardu! kiel stelo falis, kvazaŭ per glavo duonigante la ĉielon! li ekkriis ekkaptinte la manon de la fraŭlino. Sed jam dum la sekvinta momento li liberigis la manon de la knabino kaj diris malgaje:
— Mensogeti? Mi petas pardonon, okazas tiel, ke mi efektive iafoje mensogetas, Dio scias kial. Ho, kia akurata tajloro mi estas, videble mi iom fanfaronadis: mi eĉ bone ne scipovas enmeti fadenon en la kudriltruon, ne parolante pri pantalonoj kaj peltoj. Mi estas maristo, tia simpla fiŝkaptisto, kiu kaptas al si klupeojn por nutraĵo, sed la superfluajn portas al la bazaro por ricevi iom da tabako kaj glasplenon da vino. Kion mi, kompatindulo, tamen faru kun la peka animo! Se oni efektive restigos min en la bieno kiel serviston, mi certe intencas iri al la pastro pro komuniiĝi. Eble ankaŭ la fraŭlino per kelkaj afablaj vortoj rekomendos min? Vi ja baldaŭ iĝos lia edzino. Sed la pastro onidire estas efektive bona homo, nur lia irado estas mankohava kaj ridi li entute ne scipovas.

— Bonan nokton! Ello diris subite. Mi hodiaŭ efektive ne havas humoron por babili kun vi. Mi sola iros hejmen.

Nipernaadi haltis kvazaŭ frapita. Li ekkaptis la ĉapon, sed ne scipovis diri eĉ vorton. La fraŭlino rapidpiede ekkuris kaj la du longaj harligoj serpentumis malantaŭ ŝi. La junulo longtempe staris sur la sama loko kun la ĉapo en la mano.



A. Starkopf *Infano kun testudo*

# Blanka birdo

## — Marie Under —

*Ree venas ĝi, revenas, kiel antaŭ jar' !*
*Aŭdu, aŭdu, aŭdu nur : muĝadas flugilar' —*

*Venas ĝi el Laponi', en kiu regas pest',*
*Ĝi sin laŭ la firmamento trenas kun majest'.*

*Aŭdu do ! Sed la aŭdad' ja tamen estas van' —*
*Ho, vi rigardadu nur, la kap' aperas jam.*

*Ĝia kresto ruĝas kaj purpuras kvazaŭ sang' ;*
*Blankas la flugiloj larĝaj kvazaŭ neĝ-lavang'.*

*Blanka estas ĝi, tre blanka, mankas similec'*
*Al la aĉaj nigraj birdoj de malica spec'.*

*Ruĝas ĝia krest' — postrestas sange-ruĝa bril',*
*Sur ĉielon sango gutas kvazaŭ de hakil'.*

*Ĝi flugilojn siajn blankajn streĉas kun senbrid',*
*Teren ĝi rigardojn sendas, plenajn je avid'.*

*Ektimiĝas ĝi la tetrojn en la marĉa sin',*
*La skolopojn, marĉobirdojn logas kun obstin'.*

*Silentiĝas la ĉirpado, ĝoja amo-tril',*
*Al ĉiel' la birdoj flugas nun kun maltrankvil'.*

*Kaj ĝi naĝas inter ili, blanka sorĉistin' :*
*Al la nordaj lumaj noktoj ĝi direktas sin.*

*Ree venas ĝi, revenas — plena je fier' —*
*Ĝi al Laponi' la birdojn pelas kun sever'.*

*

*»Estas mi ĉasisto sperta, firme celas man',*
*Sed nun mankas la bonŝanco, ĉio estas van'.*

*Mi nun prenos la pafilon, — el la alta sfer'*
*La satanon blankan puŝos, ke ekbruos ter'.«*

*»»Sed ĉu sorpolignan kolbon havas la pafil',*
*Se ne havas, se ne havas, kia do util' ?««*

*»Ah, pafilo ja ne gravas, estas mi spertul',*
*Flugos el la kapo monstra baldaŭ la okul'.«*

*»»Ĉu fumumis la pafilon vi per poligal' ?*
*Ja sen tio ne sukcesos vi en la batal'.««*

*»Aĥ, ne gravas la pafilo, trafe celas mi :*
*Al la birdo brue krevos baldaŭ la krani' !«*

*»»Sed ĉu vi komuniiĝis — ja necesas ben',*
*Senrezulta ke ne estu via tuta pen'.««*

*»Dio gardu !...dum ĉasado gvidas min feliĉ',*
*Tion en arbar' la cervoj spertis en sufiĉ'.«*

*»»Nur arĝenta kuglo trafos... Vanas la bonŝanc' !*
*T i a kuglo nur mortigas malgraŭ la distanc'.*

*Simpla kuglo repuŝiĝos, eĉ mortigos vin.*
*Tia, tiaspeca estas tiu sorĉistin'.««*

*»K u g l o tia al mi mankas, sed, rigardu : jen —*
*Mi arĝentan r i n g o n havas,« diras li sen ĝen'.*

*Por momento lin ekregis dolĉa maltrankvil',*
*Ĉar la eta ring' arĝenta estis am-ligil'.*

*Rememor' enfluis koron kvazaŭ ĝojo-ond'*
*— Ĉar la eta ring' arĝenta estis amo-pont' — :*

*Je kumin' la nokt' odoris kaj je kamomil',*
*Apud li knabino blonda, plena je humil',*

*Ŝi karesojn liajn varmajn ĝuis kun diskret',*
*Poste al li surfingrigis ringon en kviet'.*

*Klar-okulojn linoflorajn havis la knabin'...—*
*Sed la ringon prenas li — ĉar venko logas lin ! —*

*Ŝargis nun pafilon sian li per la trezor' —*
*Bru' eksonis kaj ekplenis brusto je dolor'.*

*Falis dorsen li sur herbon, — eta vundo nur,*
*Sed el ĝi fluetas sango kvazaŭ ruĝa ŝnur'.*

*Kuŝas nun mortante li — ne helpis la fier' !*
*Pli triumfe la mortbirdo flugas tra l'aer'.*

El la estona : *Hilda Dresen.*

---

Tiam li ekridetis kaj rapidis al la hejmo. Li eĉ kuris.

Atinginte la bienkorton li eksidis antaŭ la pordo de la provizejo, kie Tralla dormis. Li ekfrapis.

— Kara Tralla, ĉu vi dormas ? li demandis. Ne timu, mia infano, vi ne bezonas malfermi la pordon. Mi sen speciala celo iom sidos ĉi tie kaj se vi permesas, mi ankaŭ babilos. Rigardu, kara Tralla, mi estas malgaja kaj mi ne povas ekdormi. Iu rabis mian dormon, ĉu tiuj noktaj nuboj, ĉu tiuj birdoj en la arbaro, aŭ eble la vento, kiu rapidas petole fajfante. Mi venis tra la arbaro kaj leporo transkuris la vojon, sed tio signifas malfeliĉon.

Oni invitis min ĉi tien kiel administranton kaj ordonanton, oni diris, venu, sed mi verŝajne ektroviĝis inter malbonaj homoj. Nenia vivado estas ĉi tie. Dio, kiel la kampoj estas herbokovritaj kaj plenaj je ŝtonoj. Kiel la konstruaĵoj estas disfalintaj kaj la tegmentoj tralasas la pluvon kvazaŭ kribriloj ! Eĉ la banejo estas ruiniĝinta, kaj mi efektive ne scias, kiamaniere ĝi ankoraŭ sukcesos stari ! Ho, ĉu tio estas bieno, ĉu tio estas homoj ? Nek riĉeco estas ĉi tie, nek lukson oni vidas ĉi tie. La bieno estas jam milfoje garantie donita kaj kelkdekfoje vendita. Kaj la ĉevaloj estas malgrasaj kvazaŭ kaproj, dum unu paŝo ili trenas kaj dum du paŝoj ili ripozas. Sed la bovinoj estas kvazaŭ printempaj betuloj : metu pladon sub la mamojn, eble dum daŭro de jaro gutos glaspleno da lakto, de la plej akveca, plej ridinda lakto, kiun trinki oni nek mem volas, nek kuraĝas ĝin proponi al servisto. Mi efektive ne scias, kara Tralla, kial vi servas en ĉi tiu bieno kaj ne foriras !

— Kien mi do iru ? Tralla demandis dormeme.

Nipernaadi levis la okulojn : Tralla estis malferminta la pordon kaj kaŭris apud li.

— Vi efektive estas Stulta-Tralla ! li ekkriis kolerete. Kiu inferulo ordonis al vi malfermi la pordon kaj kaŭri ĉi tie ! Dio scias, kiaj homoj do vivas en tiu ĉi malbenita kaverno ?

Kaj li puŝis la konfuziĝintan knabinon en la provizejon kaj brue fermis la pordon.

La ĉielrando eklumetis pro antaŭnaskaj doloroj.

Kaj li ne plu sukcesis regi sian koleron.

— Leviĝu inferuloj ! li ekkriis. La suno jam

paŝis kvaronon de sia vojo, sed ĉiuj ankoraŭ dormas kvazaŭ mortintoj. Ĉu tiamaniere oni ordonis al ni labori en la ŝvito de nia vizaĝo?

Kaj li ekkaptis plugilon kaj ĉevalon kaj rapidis al la kampo. Tie li plugis, kaj la seka kampo polvis, kvazaŭ paŝus malantaŭ la plugilo inferulo, volvita en fumonubon.

II.

Baldaŭ li iĝis propra homo en la bieno. Li eĉ ne tre ŝatis labori, sed li ordonis kaj instruis la servistojn kaj la servistinojn kaj tiuj kuradis kvazaŭ mord-itaj de hundoj. Sed dum vesperoj li ludis harpon al ili kaj rakontis mirindajn okazintaĵojn el sia vivo.

La mastrino enamiĝis al li, ŝi ne sciis kiamaniere lin laŭdi kaj dorloti. Dum tiuj momentoj la altkreska viro subite iĝis naiva, eĉ liaj okuloj eklarmis kaj la voĉo ektremis, kiam li diris: Per kio mi do elmeritis vian estimon? Kaj li iris en la arbaron, grimpadis sur la arbojn, li konis la neston de ĉiu birdo kaj la restadejon de ĉiu alko. Aŭ li sidis dum kelkaj horoj apud la maro kaj revis.

Foje li ekkaptis vivan alkon kaj alportis ĝin al la fraŭlino. Alian fojon li alportis falkon, sed ankaŭ ĝin la fraŭlino ne tro atentis.

— Kion mi do finfine devas porti al vi? Nipernaadi grumblis.

Ello alrigardis lin kaj diris:

— Nenion.

— Nenion? Nipernaadi ekmiris, tio signifas: nenion? Sed mi opiniis ke vi efektive enuas sole sidante hejme, se eĉ iu besto vin ne amuzas. Ankaŭ la pastro malofte vin vizitas, sed pro tio vi ne bezonus kolereti, la lamado ja tute ne estas tiel facila al la pastro.

Kaj kiam la fraŭlino kolere alrigardis lin, Nipernaadi diris rapide, kvazaŭ ektiminte pro la kolero de Ello:

— Pardonu simplan homon, mi efektive ne scipovas ĝentile paroli. Ĉiam sajnas, kvazaŭ mi estus malbonintenca.

— Hodiaŭ vespere vi akompanos min al la pastro, Ello diris subite. Sole iri estos enue, sed viaj rakontoj estas tre amuzaj. Nome hodiaŭ mi devos difini la geedziĝtagon.

— Ho, kiel bele kaj ĉarme, la junulo diris gaje, tiam eĉ la maljuna Nipernaadi povos danci, antaŭ ol reiri al siaj retoj!

Vespere ili duope ekiris al la preĝejo. Sed Nipernaadi estis melankolia, kaj entute ne deziris paroli. Li paŝis maldiligente kaj la tutan tempon malserene rigardis antaŭ sin. Ŝajnis, kvazaŭ nenio plu interesas lin, eĉ ne la fraŭlino, kiu gaje paŝis antaŭ li.

— Vi hodiaŭ nenion parolas! Ello ekkriis malbonhumore. La junulo eĉ ne respondis. Malgaje li malfermis la grandajn okulojn.

— Kial do Nipernaadi nenion parolas? la fraŭlino demandis denove. Dio, kian strangan nomon vi havas. Kaj vi mem: altkreska, kurba, osta. Kaj la manoj estas kvazaŭ fosiloj. Kial ili neniam estas senmovaj? Efektive, vi estus tre konvena vilaĝtajloro, kiun oni sur kesto transportus de bieno al bieno. Diru, ĉu iam iu amis vin?

— Kial vi turmentas min? la junulo demandis, kaj lia voĉo tremis. La fraŭlino mirigite ekrigardis lin.

— Ĉu mi faris tion? ŝi demandis.

— Mi ne scias, Nipernaadi respondis. Kaj post kelktempa silentado li diris subite: Mi estas malfeliĉa pro tio, ke mi venis en vian bienon. Kial mi venis ĝuste ĉi tien? La vojo preterkondukis, sed mi malsupreniĝis en la valon.

— Kial al vi ne plaĉas ĉi tie? Ello demandis.

— Ĉu vi ne rimarkas, ke mi amas vin? Nipernaadi ekkriis preskaŭ kolere. Kial mi kaŝu tion en mia animo, kvazaŭ grandan pekon? Mi estas kvazaŭ klaŭno kompare kun vi, nur por mokado, rikano kaj malavareco. Aŭ eble mi mem ne scias pri mia malbeleco, nu sentas mian ridindecon? Ne tajloro, sed bona kamentubpurigisto mi estus: tiam mi promenus malpurigita de fulgo, kaj neniu rimarkus mian malbelecon. Sed nokte, kiam mi en lunlumo starus alte sur la kamentubo, eble kelkiu maljuna fraŭlino kun batanta koro min rigardus de l'strato kiel heroon — militestron sur blanka ĉevalo. Mi scias, mi estas sendenda sur izolan insulon, por ke mi ne difektu la estetikan senton de miaj kunhomoj. Sed mi amas vin — kion mi faru, kion faru la bedaŭrinda Nipernaadi? Rigardu, eĉ la griza pasero estas ĝoja, eĉ la vipero sur la herbaltaĵeto fiere levas la kapon, Dio ĉiela — eĉ la lamanta kaj daonkripla pastro intencas baldaŭ edziĝi je vi!

— Silentu! La fraŭlino ekkriis en granda kolero.

La voĉo de Nipernaadi iĝis afabla. Li daŭrigis kviete, kvazaŭ premite:

— Mi amas vin, pardonu! Mi volus vin kvazaŭ birdon preni sur la manplaton, kaj rigardadi viajn ektimintajn okulojn. Mi donus al vi novajn nomojn, kiajn neniam aŭdis homorelo. Mi gardus, karesus vin. Mi volus man-en-mane promeni kun vi — trans la kampojn, valojn, riverojn, la suno brilus, la arboj kliniĝus kaj eĉ la kvieta vent-ekblovo, mi opinias, kunvenus kun ni. Sur mola musko estus nia lito, kaj mi montrus al vi la stelojn en la nokta ĉielbluo.

— Vi estas simple netolerebla, ekkriis Ello kolere. Kial vi parolas tian sensencaĵon!

Sed Nipernaadi eĉ ne aŭdis la ekkrion.

— Mi eĉ nenion volas, li daŭrigis, sed nur aŭskultu min de tempo al tempo kaj ne koleru pro mia malsaĝeco. Ĉu tio estos malfacila por vi? Estas klare,



J. Raudsepp *Pordego*

## Improvizo aŭtuna

— Johannes Semper —

Nun ĉio — tiel orde, kune jam :
Folioj falaj, bruna branĉornam',
Papavo elflorinta, tranĉa ramp'
De la plugil' sur lede dura kamp'
Kaj kun blasfem' plugita sulk' de ter',
Kaj supre rula nubo-aglomer'.
Ho, ĉi aŭtuno tiel homogenas !
Eĉ la limak' sur fung' tion komprenas.
Draŝiloj bruas kaj jam en la nuboj
Alhejmas triangulaj gruotrupoj.

Nun enrigardu vin mem. Vidu ŝtele
La kunirantan ombron, berojn ŝvele
Maturajn, pesu la grenujan riĉon,
Kaj kantu poste vian aŭtuniĝon,
Post vivduon' pasinta, maljuniĝon.
Maturas temp', por fari la bilancon.

Ne !

Mi volas ja eĉ nun printempan dancon,
Mi volas semi spiton, disonancon,
Dum floras flokso nun,
En folifalo de l' aŭtun'
Rezinoplene volas mi burĝoni !
Dum multaj emas en la prozfarsaĵo droni,
Mi nun agordu vin, printemp-fajfil'
Kiel cejan' en grenoj, sen util',
Kiel or-rafanistroj, kiuj nin provokas
En mez' de lin' !

Aŭtun' ! Se min
Vi vokas
Prikanti de l' ĉiel-lazur' la finon,
Odoran, sukan linon,
Disfalan mian sinon :
Fiera mia pozo
Estas la malkonsent' !
Min ne konsolas en vi la ripozo,
Ankoraŭ logas la piedojn mont-ascend' !
Jen, mia nuborand'
Ja plenas je printempa fulmotondro !
Mi — antaŭ kil' ŝaŭmstria ondo,
Mi — turnovent' ! Dum flagruband'
Nun lace kaj malstreĉe pendas,
Ventego iĝi mi pretendas.
En harmonio, digestad' malvigla,
En mezo de komfort' kaj sven',
Jetiĝu el mi, kiel peĉo nigra
Kaj lafo — la malben' !

Ne ! Por malvigli, kiel vi, aŭtun',
Mi ja ne taŭgas ! Volas mi
Elpaŝi, mi ne povu jugi
Rubrika letargi' !
Jen, voko vibras en mi nun :
Ek ! Kontraŭ ventoj flugi !
Ŝipgvidi kun printempa ten'
Por senti min — en pen' !

*K. Kalocsay*

---

neniam mi prenos vin sur la manplaton kaj neniam vi spertos mian amon. Rilatu al mia parolado kiel al nura ŝerca babilado kaj petegado de almozulo.

— Eksilentu do fine, la fraŭlino ekkriis, ĉu vi ne rimarkas, ke ni jam atingis la pastrodomon !

Nipernaadi vekiĝis kvazaŭ de sonĝo. Li haltis ektiminte kaj ekviŝis la ŝviton de la frunto. Li subite iĝis tiel mizera kaj malfeliĉa. La grandaj palpebroj tremis kaj la larĝa buŝo kuntiriĝis je nerva rideto. Li spiris malfacile kaj ĝemis.

Kiam Ello eniris al la pastro, li eksidis antaŭ la pordo de la pastrodomo. El la ĉambroj aŭdiĝis rido kaj gajaj ekkrioj de la fraŭlino. Pasis unu horo, pasis du, — la plenluno naĝis sur la ĉielo. La nuboj preterrapidis ĝin, ektuŝetante ĝian vizaĝon kvazaŭ koketaj knabinoj en dancentuziasmo. Nipernaadi atendis. Li atendis kaj nerveme fumis la pipon.

Estis malfrue, kiam la fraŭlino elvenis, akompanate de la pastro.

— Ha, tio do estas via romantika servisto ? la pastro demandis, esplore rigardante la junulon tra la okulvitroj.

Nipernaadi leviĝis maldiligente, levetis la ĉapon kaj diris :

— Bonan vesperon, estimata pastro ! Kial do vi unufoje ne allamas al nia bieno ?

— Do post du semajnoj estos nia geedziĝo ! Ello per ekkrio rapide interrompis lin. Ŝi ĉirkaŭprenis la konsternitan pastron, kisis lin kaj ekflugis kvazaŭ birdo laŭ la polvanta landvojo al la hejmo.

Nipernaadi dum kelka tempo postrigardis ŝin kaj subite ekiris en la arbaron. Kolereksplodo lin atakis. Li kuris inter la arboj, faletadis kaj insultadis.

— Ŝi ne volas min, li kriis laŭte, kia facilanimeco ! Kaj mi estas malbela, kiu inferulo aŭdis tion antaŭe ! Mi estas tajloro, fiŝkaptisto, kaj Dio scias, kio ankoraŭ !

Kaj li ridis plengorĝe, tiel ke la arbaro dekoble eĥis kaj la birdoj ektimigite leviĝis aeren kvazaŭ sagoj.

Li hejmenvenis nur antaŭ la mateniĝo. La koleregо pasis. Li kviete paŝis al la provizejo, kie dormis Tralla, kaj ekfrapis.

— Kara Tralla, li diris flate, enlasu min iom.

La dormema knabino malfermis la pordon.

— Ne timu, kara infano, Nipernaadi diris, grimpu denove sub la litkovrilon kaj estu tute senzorga. Mi eksidos sur la litorando kaj tiel sencele iom babilos. Ĉu vi estas tre dormema, kara Tralla ?

— Tute ne, Tralla respondis frotante la okulojn.

— Sed vi eĉ neniom ĝenu vin, Nipernaadi diris kunsenteme, estu tute kiel hejme.

Li karesis la kapon de la knabino.

— Ho vi, franĝeto, li diris delikate, kial oni nomas vin Stulta-Tralla, tian prudentan kaj amindan knabinon ! Tio estas verŝajne tute certa, ke ni devos baldaŭ foriri de ĉi tie, ĉar ankaŭ min oni insultas tajloro kaj rekomendas ŝmiri mian vizaĝon per fulgo. Ili diras, ke nur alte sur la kamentubo mi estos interesa viro, — sed ĉu vi komprenas tion, kara Tralla ? Ne, ne, preskaŭ nenion ni povos fari ĉi tie. Baldaŭ la pastro estos nia mastro kaj tiam estu afabla kaj plugu, en unu mano la plugilo, kaj la biblio en la alia. Tiam oni eble ekinsultos vin Beelzebub, Nikodemo, Abrahamo, aŭ Dio scias, kiel ankoraŭ. Ĉu tio do plaĉos al vi ? Nu, certe ne. Ho, vi eta ploretulino, kiel varmegaj estas viaj brakoj kaj kiel molaj viaj haroj !

Ĉiru, Tralla, ĉu vi volus edziniĝi je mi? Ne timu min — mi estas tia sama malsaĝa infano, kia vi, mi postkuras la senvaloran venton kaj vagaĉas, Dio scias, kial.

Pripensu, Tralla, vi ne bezonas tuj respondi, diru morgaŭ, postmorgaŭ, aŭ post semajno. Ni ekloĝos meze de arbaro. Kaj bovinon ni aĉetos por ni, ĉu vi scias, tian ruĝan bovinon, kun blanka makulo sur la frunto.

Ho, kara Tralla, vi certe povus min ami, kvankam mi estas malriĉa, pli malriĉa ol kiu ajn en la mondo. Eĉ duan ĉemizon mi ne havas, sed la solan mi foje en semajno kaŝe lavas en la rivero, — rigardu, kia mi estas. Kaj se la botoj difektiĝos, nur Dio scias, ĉu mi ankoraŭ en la vivo ekhavos novajn. Sed tiom mi havas, ke mi povu konstrui al vi meze de arbaro malgrandan, etan kabanon, sed pri manĝaĵo, mi opinias, zorgos Dio en la ĉielo. Ĉieluloj, kial li ne zorgu pri ni, se du tiaj malgrandaj, senhelpaj infanoj humile kunmetos la manojn kaj preĝos.

Diru al mi, kara Tralla, kiu instruis vin tiel aminde strabi? Ĉu vi ne instruus ankaŭ min, tio estas tiel beleta. Rigardu, kiajn etajn kaj blankajn manojn vi havas, diru, ĉu vi mem iam rigardis ilin?

Nipernaadi longtempe parolis ĉe la litrando de la knabino.

La suno staris alte, kiam li fine elvenis el la provizejo. La mastro staris meze de la korto kaj vokis kolere Tralla-n, sed ekvidante Nipernaadi-n elvenanta el la provizejo, li pliafabliĝis, ruze palpebrumis kaj diris:

— Bela vetero estas hodiaŭ.

Nipernaadi ekridis responde.

— Jes, sufiĉe bela, li diris, nur iom da pluvo oni bezonus.

III.

Tralla ekhavis ruĝajn okulojn pro plorado. Ho, Dio ĉiela, ŝi ĝemis, kion mi faru: Nipernaadi amas min. Ŝi ial hontis, ŝi eĉ estis malfeliĉa, kaj plu eĉ ne kuraĝis proksimiĝi al la junulo. Kiel ian pezan ŝarĝon, metitan sur ŝiajn ŝultrojn, ŝi sentis la devon, kies sencon ŝi ne kapablis imagi. Ŝi mem ĉiam opiniis sin malsaĝa, senbezona, ŝi jam kutimiĝis kaj indiferentiĝis al insultoj kaj ĉikanoj, kaj nun subite oni volas ŝian amon kaj konsilon!

En la unua momento ŝi volis forkuri en la arbaron kaj neniam plu reveni. Sed tiam ŝi ekmeditis kaj konvinkiĝis, ke tia ago pereigos la junulon. Sed ŝi ne sciis kion fari. Ŝi nur ĝemis kaj lamentis kaj, estante sola, verŝis larmojn. Bedaŭrinda Nipernaadi, ŝi ploretis, bedaŭrinda knabeto, kio okazos al vi!

Sed Nipernaadi estis dum la lastaj tagoj tre serioza, li atentis nek Tralla-n, nek la mastrinon, nek Ellon. Li eĉ vizitis magazenon, aĉetis al si paperon, krajonojn kaj diversajn strangajn mezurilojn. Kaj li sidis nun la tutajn tagojn kaj noktojn en la ĉambro, desegnis, kalkulis, skribis, aŭ rapidkuris al la riverenmariĝo, mezuris la nivelon de la akvo kaj denove revenis por kalkulado. Li estis tre sekretema kaj gravaspekta kaj ne deziris respondi eĉ al la fraŭlino, se ĉi tiu sin turnis al li kun ia demando.

Kiam la mastrino fine zorgeme demandis, ke, kara Nipernaadi, pro kio do vi turmentadas vin nokte kaj tage, la junulo respondis kvazaŭ nevole, sed tamen tiel, ke ĉiuj aŭdu:

— Kiu do klopodegu, se ne mi! Por vi ĉiuj estas tute egale, eĉ se pereos la bieno. Sed neniu ankoraŭ ekpensis pri tio, ke la herbejoj iĝis marĉo kaj ŝlimo. La river-enmariĝo estas en daŭro de la jaroj treege malprofundiĝinta kaj la akvo ne plu atingas la maron, sed restas sur la herbejo. Jam delonge oni estus devinta pensi pri tio, kiel pliprofundigi la enmariĝon.

Ĉiuj aŭskultis kun malfermitaj buŝoj, sed Nipernaadi daŭrigis:

— Kiel mi foriru de ĉi tie, se la plej grava laboro restos nefarita? La fraŭlino baldaŭ edziniĝos, la pastro hodiaŭ, morgaŭ ricevos tiujn kampojn kaj

Kuno Veeber



Sinbanantoj

herbejojn, — eĉ honto estas transdoni ilin al li en tia mizera stato.

Kaj post sufiĉa kalkulado, desegnado kaj mezurado de la river-enmariĝo, li iuvespere gaje revenis kaj diris al Ello afable, sed ordone :

— Fraŭlino, hodiaŭ vi venos kun mi al la riverenmariĝo.

— Kial ? Ello demandis kaprice.

— Vi vidos. Nipernaadi diris mistere.

Ello ĵetis tukon sur la ŝultrojn. Survoje Nipernaadi ne parolis eĉ unu vorton. Li estis ĝoja, fâjfis, ridis kaj frotis la manojn. Nur tiam, kiam ili atingis la river-enmariĝon, li iĝis pli atenta rilate al la fraŭlino, li petis ŝin, eksidi apud li kaj diris :

— Kara infano, ĉu mi povas konfidi al vi mian sekreton ?

Li eĉ diris ci al la fraŭlino.

— Rigardu, li daŭrigis rapide, mi estas nek tajloro, nek fiŝkaptisto, nek terkulturisto, ĉio estis nur sensenca babilado. Mi estis devigita trompi la ĉi tieajn homojn kaj ankaŭ vin, alie vi estus, Dio scias kien pelinta min el la bieno. Mi devis ŝajnigi min malsaĝa servisto, plugi la kampon, veturigi sterkon, kaj Dio scias, kion ankoraŭ. Ho, kara Ello, ĉi tiun tempon mi memoros iam kiel la plej komikan en mia vivo ! Mi, nome, estas arkeologo. Dum mia tuta vivo mi studis librojn, vi scias, tiajn dikegajn librojn, kiel la Biblio, aŭ io simila. Kaj, rigardu, kara infano, kaj tie mi trovis aĵojn, pri kiuj la aliaj eĉ ne songâs.

Li kvazaŭ ekfebris, estis ekscitita, svingis la manojn kaj ne povis plu resti trankvile sur sia loko. En la tempo de la sveda reĝo Erik la Dekkvara, li daŭrigis, la pejzaĝo neniel similis la nuntempan. Anstataŭ ĉi tiu eta rivereto, ĉi tie fluis larĝa kaj profunda rivero, kiu transportis grandajn milit- kaj komercŝipojn tra la tuta lando. Sur la bordoj staris grandaj fortikaĵoj, vilaĝoj kaj komercprovizejoj, ĉi tie komenciĝis la fama komercvojo al malproksimaj popoloj. Pro deziro de superforto estiĝis ja ĉi tie sangaj militoj kaj malpacoj. En la tempo de Erik la Dekkvara, nomita la Reĝo de Vilaĝanoj, en ĉi tiu riverenmariĝo dum grandega ventego subakviĝis la tuta orŝiparo, kiun la reĝo sendis por subteno al la regantoj kaj al la vilaĝanoj. Tio estis granda malfeliĉo, kara Ello. Sed pasis jarcentoj, plimalgrandiĝis la rivero, malprofundiĝis la enmariĝo, sed la nemezureblaj ortrezoroj ĝis hodiaŭ kuŝas ĉi tie en la fundo de l' rivero. Rigardu, rekte antaŭ viaj piedoj. Neniu scias taksi tiujn neklarigeblajn riĉaĵojn, kiuj kuŝas ĉi tie sub la flava sablo.

Ho, Dio mia, sed tio ankoraŭ ne sufiĉas. Tre eble, ke la tuta oro ne ekinteresus min, tre eble, ke pro ĝi mi ne estus adiaŭinta mian karan hejmon kaj surmetinta tiujn ĉifonojn, ludinta rolon de komika servisto, se ankoraŭ alia afero ne estus kaptinta mian atenton.

En tiu rivero troviĝas perloj, grandaj, puraj perloj kvazaŭ larmoj. Nome, iam, en la tempo de la rusa regantino Katarina, tuta kolonio, konsistanta el perloserĉantoj, ekzistis ĉi tie. Sennombrajn riĉaĵojn oni kolektis tie ĉi, la rivero donis al miloj riĉon kaj feliĉon. En la haveno staris ŝipoj el ĉiuj monddirektoj kaj disportadis la maloftajn juvelojn en la tutan mondon. Sed tiam ekestis militoj, longedaŭraj, sangaj militoj, la antaŭaj regantoj kaj perloserĉantoj estis mortigitaj aŭ rifuĝis, la vilaĝojn kaj la fortikaĵojn konsumis fajro. Nur la perloj ne pereis, sed konstante plimultiĝis, dum neniu sciis pri tio.

## *Sur sia propra vojkruciĝo*

**— *Johannes Barbarus* —**

Kien min gvidos la vojoj de l'anim' ?
Verstromontriloj de la jaroj preterkuras.
Eble krucumon jam ili aŭguras ?...
Vers-veturiloj, ruliĝu nur sen tim' !

Jam delonge vojojn penigajn mi evitas :
inter kruta korabismo, alta prudent-montar'.
Supre ŝvebadas delikate mia sent-nubar',
sube senindulge volupto-voj' incitas.

Kien kuraĝe direkti mi devus min ? !
Ĉu al profundaĵ' faŭkanta, al altaĵ' serena ?
Ordinare sekvas nokton tago lumoplena :
oni al la suno ĉu etendu kaj levu sin ?

Ho, ne scias mi : kien nun ekiri ?
Se en abismon, — la pensoj pereos.
Provos mi leviĝi, — koro mia ekveos :
morton de sentoj ĝi povos altiri.

Retbalancilon el la nervoj mi plektos,
ŝvebos inter kor' mia kaj la prudento :
sube abism', — supre montosilento,
kaj mi, falante, frakase min difektos.

El la estona : *Hilda Dresen.*

---

Ho Dio, mi estas freneziĝonta, starante antaŭ riĉaĵoj, kiajn neniu homido posedas en la mondo. Neniu reĝo, neniu reganto valoras tion, kio kuŝas ĉi tie en la rivero. Oni povus ilin nomi almozuloj kompare kun mi. En la tago, kiam mi eltrovis tion, mi estis ebria kvazaŭ malsata vagabondo, kiu estas de la strato portita sur la tronon. Mi deliris kaj estis kvazaŭ en febro, — la tuta mondo subite malfermiĝis, mi povis aĉeti regnojn, pereigi reĝojn, mi povis disĵeti riĉaĵojn sur la straton nur por kontentigi miajn kapricojn.

Sed kiam la unua ebriiĝo pasis, neklarigebla malgajeco penetris mian koron. Por kio do ĉio ? Por kio la regnoj, la tronoj kaj la honoro ?

Mi estus preferinta ree la malriĉecon. La pezaj orŝarĝoj premis miajn ŝultrojn. La perloj brilis, sed ili estis malvarmaj. Mi tamen estas nur revanto, tia stranga kantbirdo, kiu pli ŝatas la runon, la florojn kaj la malgrandan Ello, ol la trezorojn. Mi estis malfeliĉa, ke mia tuta vivlaboro ne kondukis min al la celo. Kial mi malŝparis mian junecon, forton, kial mi pasigis sendormajn noktojn ? Por ekloĝi en ia kastelo kaj malgaje rigardi la subiron de la vivtagoj ?

Ho, mia kara, ĉu vi volas, mi farigos al vi perlan ĉirkaŭkolon, por ke vi povu promeni en lunlumo admirante vin mem ? Ĉu vi volas, mi konstruos al vi kastelon kaj donacos al vi kvincent plej bonajn servutulojn, kiuj gardus vian belecon kaj defendus vian pacon ? Mi mem vizitus vin nur foje dum la jaro en la samaj servistaj vestoj. Eble mi konstruu al vi fervojojn, por ke vi povu laŭdezire ĉien flugi, kien la koro sopiras ? Ne, nun mi scias, mi donacos al vi pupon, tian grandan pupon, kun seriozaj, seriozaj okuloj — eble tiam vi iom pli afabliĝos, kaj ne estos malbona al la bedaŭrinda Nipernaadi.

Dio mia, vi silentas kaj estas serioza kaj mi estas freneziĝonta pro la penso, ke mi ne divenis vian deziron ! Diru do, kion mi devas fari ? Eble vi deziras iĝi regantino, reĝo inter la princoj ? Ankaŭ

tion mi povas, — la kronoj disfalas pro la pezo de mia riĉaĵo kaj la popoloj pro dezirego je akiraĵo postkuros min kvazaŭ novan profeton kaj savanton. Malgranda infaneto, vi ankoraŭ ne scias la potencon de la oro kaj la ravon de la perloj. Almozulo povas iĝi monarko kaj la plej sentaŭga sklavo ekestos reganta kanceliero de la regno.

Diru nur, kaj mi faros ĉion, kion mi povos. Ho, kiel peza estas la orŝarĝo, kiun mi devas porti sur la ŝultroj. Kiel bruligas mian animon la perloamasoj per sia malvarmeco. Prenu ilin al vi, — mem mi foriros de tie tia, kia mi venis, malriĉa, mizera, sed ĝoja kaj ebria pro la mondo de Dio. Rigardu tiun plaŭdetantan akvon antaŭ vi : kiom multe da eblaĵoj kaj feliĉo ĝi kaŝas sub sia fluo. Mi amas vin, Ello, — pardonu mian petolemon — mi amas vin. Eble mi estas kulpa pri tio ? Ĉu mi efektive estas tiel malbela ? Ho, ne parolu, tion mi mem ja scias, jam delonge, jam delonge scias mi tion !

Ello sidis apud la junulo kviete kaj serioze.

— Vi fantazias ! Ŝi ekkriis kvazaŭ vekiĝinte. En tiu rivero ne estas eĉ unu perlo.

Nipernaadi eksaltis kvazaŭ ekmordita.

— Kion, kion ? li ridis plengorĝe. En tiu rivero ne estas eĉ unu perlo, vi diras ? Mi fantazias, vi diras ? Ho, tiam mi devos havigi al vi pruvojn, ĉar, rigardu, vi ne deziras kredi al mi.

Li falis surgenuen antaŭ Ello kaj diris pete :

— Kredu min, kara. Mi eĉ povas ĵuri je la belo de l'Sinjoro, kaj je ĉio, kio estas kara al mi. Aŭ eble vi efektive opinias, ke la herbejoj de via patro estis tiom karaj al mi, ke mi pro ili laboris, kalkulis kaj mezuris la akvonivelon ? Dio, vi estas same naiva, kiel la idiota Tralla ! Por kio do la fantazio ? Sed vi ja mem vidos, morgaŭ, postmorgaŭ alvenos ĉi tien laboristoj, multe, multe da laboristoj, kaj tiam komenciĝos miaj fosadlaboroj. Venos ankaŭ la perloserĉantoj, ĉu vi scias, tiaj altkreskaj kaj seriozaj viroj, kies okuloj estas grandaj, kiel tiuj de la gufo. Kaj ĉi tie, sur la sabla altaĵo, mi konstruos por ili belajn domojn, por ke ili ne bezonu honti pro sia hejmo. Kaj eĉ beletajn knabinojn mi havigos al ili el la urbo, por ke ili ne enuu. Rigardu, kara Ello, nun mi volus ekscii, ĉu vi povus iom ami min, aŭ mi devos mendi por mi knabinon el la urbo ?

— Vi ĉiam ankoraŭ ne volas kompreni, Ello diris mallaŭte, ke post du semajnoj mi edziniĝos je la pastro !

— Ĉu efektive ? Nipernaadi ekkriis surprizite, kia malsaĝa novaĵo ! Sed ni jam venkos lin, bedaŭrindulon. Ĉu vi scias, ni plialtigu lin kardinalo, aŭ ni sendu lin al Romo kiel papon. Aŭ ni eĉ monaĥigu lin, tiam la sinjoro povos iom pripensi sian abomenan vivon ! Ne ? Vi ridas, vi, signifas, ne volas tion ? Vi estas tiel aminda kaj bela, kiam vi pro rido petole malkovras la dentojn !

— Ĉu vi volas, eta Ello, ke mi tordrompu lian gorĝon ? En la mezo de la prediko mi kuregos al la katedro kaj ĵetos lin malsupren kvazaŭ katidon. Ĉu vi volas, mi frakasos al li ankaŭ la duan tibion, tiel kaŝe, sekrete, ke eĉ muso ne aŭdos, eĉ muŝo ne vidos. Similajn aferojn mi simple kaj facile aranĝas, ili estas por mi bagateloj !

— Vi estas efektive freneza, mi timas ! Ello diris tremante.

— Ne timu, Nipernaadi diris grandanime, sen via konsilo mi ja nenion entreprenos. Ni duope jam venkos lin. Rigardu, kiajn fortajn manojn mi havas, —

***A. Vabbe***



***Panelo en la teatro ,Estonia'***

palpu ĉi tie, rigardu ĉi tien! Kun tiaj manoj mi ne malprosperos, se eĉ la diablo renkontos min.

Kiam miaj perloserĉistoj kaj orfosistoj alvenos, ni konstruu ĉi tie kastelon ankaŭ por ni. Kaj de tie, de supre ni rigardos, kiel la formikaroj klopodas ĉe la rivero, trovante ĉiam pli kaj pli novajn trezorojn. Kaj vi de la supro direktos iliajn laborojn, vi estos bona al la prudentuloj kaj severa al la maldiligentuloj, vi estos la adorata princino de ni ĉiuj. Sed atentu, kara, nur Nipernaadi rajtos transpaŝi vian sojlon, ĉiuj ceteraj arogantaj sopirantoj estos ĵetataj en la maron kiel la plej grandaj krimuloj. Nur Nipernaadi povos ekpreni viajn manojn, jen tiel, jen tiel!

— Lasu min! Ello ekkriis.

— Kial mi faru tion? Nipernaadi demandis mirigite. Eble vi ne volas min?

— Ne! Ello ekkriis subite kaj flankenpuŝis la junulon. Ŝi leviĝis kaj rapidpiede kuris al la hejmo.

— Ne, ne, ne! La arbaro eĥis.

Kvazaŭ frapita, la junulo falis sur la sablan altaĵeton. Longtempe li kuŝis senmove sur la sama loko. Liaj ŝultroj tremis: la matura viro ploris.

Sur la ĉielon jam leviĝis la ridetanta plenluno.

IV.

La sekvintan matenon Nipernaadi veturis kun la mastro en la komunumon. Neniu sciis, pro kio ili veturis tien. Amike ili sursaltis la veturilon kaj kun bruo rapidveturis al la landvojo.

La junulo klarigis al la mastro la aferon jene, ke li pagos la elspezojn pro la profundigado de la river-enmariĝo kaj rekompence ricevos de la mastro iom da sabla altaĵo.

— La maljuneco ne estas malproksime, Nipernaadi klarige diris al la mastro, kiel longtempe oni tamen servutu la fremdulojn! Cetere laŭ profesio mi estas fiŝisto kaj kiam mi maljuniĝos, mi konstruos al mi sur la sabla altaĵo malgrandan kabanon. Eble Dio donos bonhavon kaj riĉecon: eble mi akiros ankaŭ boaton kaj kelkajn retaĉojn. Tiam mi senzorge pasigos ĉi tie mian vivon.

La mastro konsentis pri tio kaj ili veturis al la komunumo por preparigi provizoran kontrakton.

Samtempe Nipernaadi sendis anoncon al la gazetoj, ke li grandare bezonas ĉiuspecajn laboristojn, konstruistojn, inĝenierojn por konstruo kaj foslaboroj kaj petis sendi la proponojn al la adreso de la bieno.

Atinginte la hejmon, li ekscitite eniris la ĉambron de Ello kaj montris al ŝi la provizoran kontrakton.

— Rigardu tiun dokumenton, li diris gaje, la patro farmdonis al mi la riverenmariĝon por kvindek jaroj. Kion vi opinias, ĉu tiu tempo sufiĉos por funda ekspluato de la rivertrezoroj?

Ello ne kredis al siaj okuloj. Ŝi longtempe esploris la kontrakton. Do Nipernaadi tamen parolis la veron, por kio estu alie la kontrakto?

Kiam post kelkaj tagoj diversaj leteroj kun laborproponoj grandare fluadis al Nipernaadi, la miro de la gemastroj estis senmezura.

— Dio mem scias, kia homo estas Nipernaadi efektive, la mastro mistere diris al la edzino, servisto aŭ fiŝisto li ja ne estas.

Sed se oni provetis esplordemandi ion de Nipernaadi mem, la junulo iĝis ruzmiena kaj nevole respondis, ke, ho, bagatelo, mi havas multe da amikoj kaj ili, sentaŭguloj, ie elspionis mian adreson.

Nur al Ello li montris la leterojn, en kiuj inĝenieroj, konstruistoj kaj laboristoj proponis al li siajn helpon kaj laborkapablon.

— Verŝajne baldaŭ ili jam alvenos, li klarigis fiere, mi jam respondis al ĉiuj. Ho, potenco ĉiela, kia ĝojo kaj amuzo estos, se tia aro da homoj subite alveturos ĉi tien. Verŝajne mi devos aranĝi tiel, ke oni komence konstruu sur la altaĵo provizorajn barakojn, alie kien meti tiun malsatan cikadaron. Ili difektos ĉiujn kampojn kaj malpurigos ĉiujn arbarojn, la konstruistoj ja nenion atentas.

Kaj efektive li demandis la arbarvendistojn pri la pezo de la traboj, parolis kun la ĉevalposedantoj de la urbeto, pri la grandeco de la tagsalajro, — entute li kuradis de mateno ĝis malfrua noktomezo kaj en la bieno oni vidis lin malofte. Por momento li envenis, tralegis rapide la ricevitajn leterojn kaj denove forkuris.

Ello tute ŝanĝiĝis dum la lastaj tagoj. Ŝi ĉiam staris sur la sojlo, kiam Nipernaadi revenis kaj ĝoje kuris al li renkonte.

— Kiam vi konstruos al mi la promesitan kastelon? ŝi brilokule ŝercdemandis.

— Baldaŭ, baldaŭ, ridis la junulo, similajn aferojn oni ne faras dum unu nokto. Rigardu, etulino, kiel mi devas kuradi kaj klopodi, ĝis kiam miaj helpontoj estos alvenintaj, mi devos sola laboregi.

— Sed mia edziniĝfesto estas tute proksima, diris Ello subite, kaj en ŝiaj grandaj okuloj aperis larmoj.

## Preĝo de infano

**— Jaan Kärner —**

Preĝas la infan', ĝi kunmetis siajn manojn,
preĝas pri gepatroj kun fervor'.
Ŝipveturis patro por havigi panon,
panjo palas pro senĉesa plor'.

Preĝas la infan', mutras kredo malriĉulojn:
estas dio rica je potenc'.
Turnas la infan' subite la okulojn,
elrigardas kun malpacienc'.

Vidas la infan': ekleviĝis forta vento,
blanke ŝaŭmas la muĝanta mar'.
Kaj rapidas sur la straton post momento
kure la gefratoj en grandar'.

Pensas la infan': ja hodiaŭ ne revenos
plu la patro hejmen de l' vojaĝ'.
Kontraŭvole ĝi sin en la ĉambron trenas,
pezas kor' kaj palas la vizaĝ'.

Preĝas la infan': Dio gardu patron karan
dum la nokto, plena je danĝer',
li evitu la malsekan tombon maran.
Sed pliventemiĝas la veter'.

Kuŝas la infan', dormas la gefratoj lacaj,
ses malsataj buŝoj mutas nun.
Sed turmentas sonĝoj premaj kaj minacaj.
Ne briletas steloj, mankas lun'.

Sed dum la maten' la vento plu ne ĝemas,
patron mortan albordigas ond'.
La infana kap' nenion plu komprenas,
je teruro ekpleniĝis mond'.

Kaj ekŝajnas ĝi nun malamike fremda,
plena je mistero kaj perfort',
preĝojn forgesinte, kun aspekto plenda
vagas la infano nun ĉe l' bord'.

El la estona: *Hilda Dresen.*

— Efektive! Nipernaadi ekkriis kvazaŭ ektiminte. Pri tio ni devus iam paroli pli detale, ĉu ne?

Sed la tagoj pasis, Ello estis maltrankvila, Ello atendis, sed Nipernaadi nenion parolis. Nipernaadi devis ĉiam kuradi kaj aranĝadi, la nombro de liaj leteroj pligrandiĝis kun ĉiu tago.

En la bieno dum la lastaj tagoj oni ne plu tiom atentis lin. Ĉiuj estis treege okupitaj pri la preparoj por la edziĝfesto. Kelkiam la mastro, kelkiam la mastrino vizitis la urbon, kelkfoje ili veturis duope, kelkfoje unuope. Sed el la urbo alveturis veturilo post veturilo, plenegaj je diversaj aĵoj, kvazaŭ oni preparus ian pli grandan foiron.

Nur Ello ne multe partoprenis la laborojn, ŝi estis serioza, malĝoja, kaj ofte ŝiaj okuloj estis ruĝaj pro ploro. Ŝi ĉiam plendis pri kapdoloro, estis nervoza kaj ne volis plu eĉ viziti la pastron. Nur kiam Nipernaadi ĉeestis en la ĉambro, ŝi penis esti gaja, ridis, petolis, kaj alrigardis la junulon per enamiĝintaj okuloj.

Sed Nipernaadi estis malparolema, ial malgaja, li eĉ ĝemadis kaj ne kuraĝis levi la fierajn okulojn.

— Kial vi estas tiel malgaja? demandis Ello.

— Multe da laboro kaj zorgo mi havas, plendis la junulo, tiuj riĉaĵoj efektive maljunigas min antaŭtempe. Mi bedaŭras, ke mi entreprenis tiun laboregon.

— Ho! Li ekkriis preskaŭ malespere, kial vi ne akceptis ilin, kiam mi surgenue petis vin! Nun mi sufokiĝas sub ilia pezo.

Estis antaŭvespero, la ĉielo estis nubkovrita, la arboj bruegis. Estis tago antaŭ la edziĝfesto. Ili sidis duope sur la riverbordo. Nipernaadi malgaje ĵetadis ŝtonetojn en la riveron kaj Ello rimarkis, ke liaj fingroj tremas.

— Ĉu vi memoras, demandis honteme la knabino, kion vi tiufoje diris al mi tie? — ŝi montris per la mano al la sabla altaĵo.

Li ekbalancis la kapon.

— Kiel mi povu tion forgesi! li ekkriis.

— Vi tiam demandis min pri io, daŭrigis la knabino, sed mi diris, ne. Mi ne scias, kial mi tion faris.

Ŝi silentis dum sufiĉe da tempo. Tiam ŝi daŭrigis:

— Nipernaadi, tiel strangan nomon vi havas, sed vi mem estas ankoraŭ pli stranga. Sed tamen, mi estus devinta tiam alie respondi. Se mi nur pensas pri tio, ke morgaŭ mi edziniĝos je tiu, — denove ŝi montris per la mano, ĉifoje al la preĝejo, — mi volus kiel eble plej rapide forkuri de ĉi tie! Nipernaadi, ĉu vi povus forkuri kune kun mi? Mi ne konas vin, mi eĉ ne scias, ĉu en viaj paroloj pri la trezoro estas eĉ iom da vero, sed tio ja ne estas grava. Se vi volus, ni povus vivi ankaŭ sen via oro. Mi aŭdis iam, kiel vi parolis al Tralla, sidante antaŭ la provizejo, pri arbaroj, kie oni povus vivi. Ĉu tiel vi parolas al ĉiu? Kaj tiam mi imagis, kiel ni vivos en mezo de arbaro, tute kovritaj de neĝo kaj neĝblovado. Dio mia, mi mem ne scias, kion mi parolas. Eble ĉio tio estas sensencaĵo, kaj vi ridas pri mi? La tutan tempon, de tago al tago, mi atendis vin. Sed vi venis kaj parolis neniom. Se vi nur scius, kiel abomenaj estas al mi la karesoj de tiu viro!

Ŝi falis sur la genuojn de la viro.

Kaj ĉi tiu kaptis ŝin soifante, deliris kaj kisis, eĉ larmoj aperis en liaj okuloj.

— Mi ne scias, kiu vi estas, kaj de kie vi venis, flustris la knabino. Ĉiuj viaj paroloj estas tiel strangaj, kredi, aŭ ne kredi al ili, mi tamen ne povas liberiĝi de viaj brilantaj okuloj kaj viaj vortoj longtempe eĥas en miaj oreloj. Kaj nun mi edziniĝu je li!

— Ne, ne! ekkriis Nipernaadi, neniam, neniam tio okazos. Ni forkuros de ĉi tie morgaŭ frumatene, kiam la gastoj enveturos la korton, ni estos jam malproksime de ĉi tiu loko. Sed la trezoroj, — ĉu vi scias — mi havas fraton, ankaŭ li estas granda kaj altkreska viro, lin ni sendu ĉi tien por direkti la laboron dum ni estos en nia rifuĝejo. Li estas tre prudenta viro, kaj li certe ne trompos nin. Kaj la oron li postsendos per ŝipoj, por ke ni povu ĉie vivi senzorge!

— Ni eĉ ne bezonas oron, diris Ello.

— Ne, ne, Nipernaadi kontraŭdiris patre, oni ne rajtas malŝpari la trezoron! Ho, etulino, vi estas sur miaj genuoj, sur la genuoj de la maljuna Nipernaadi! Kaj ĉu vi forlasus la pastron, la patrinon, la patron, eĉ tiujn arbarojn kaj kampojn por mi?

— Jes, Ello flustris.

— Kaj vi volas min, ĝojkriis la junulo, min kaj neniun alian? Vi edziniĝus je mi, eĉ se mi ne havus oron kaj se la perloj estus nur en la revoj?

— Jes, jes, la knabino respondis kvazaŭ en febro. Kaj Nipernaadi ne kapablis plu resti senmova. Li liberigis la knabinon por momento kaj saltetadis kvazaŭ infano. Kaj tiam li ree altiris ŝin al sia brusto, feliĉe, ebrie, plene je ekstazo.

## Puriĝo

*— Marie Under —*

Jete mi jenon-tion forigas,
Voj' pli facilos tiel postnune,
Vivfajrujon de rub' mi purigas,
Kvazaŭ pli june.

Ĉion transŝultren ŝute kaj ŝute
Jetas mi kun okul' fermita.
Mi ne domaĝas! For ĉion tute!
Kial ja gardi pri ĉio splita?

Ĉion transŝultren! Plue kaj plue!
Kelko kvazaŭ alkreske sin ligas.
Ĉion memoro gardas ja glue.
Kaj mi nun kvazaŭ min senhaŭtigas.

Kiel amasas aĉaĵoj ĉiaj!
Kvazaŭ rubej' la pasint' kreskegas.
Unun enhavas nur tagoj miaj,
Kvazaŭ infanon nur *ĝin* mi flegas.

Spaco nun! Freŝo nun! eble — glacia.
Kvazaŭ ripozo. Vasteco. Aero.
For milkapeco kapturne varia.
Do — ĉu fiero?

Golfo de revoj — nur medikamenta
Pika solvaĵo jam por la pupilo.
Plenas de steloj intertegmenta
Spac'. Mi rigardas... Venu trankvilo.

Jete mi jenon-tion forigis,
Voj' pli facilos tiel postnune.
Vivfajrujon de rub' mi purigis
Kvazaŭ pli june.

*K. Kalocsay*

— Do morgaŭ frue ! li parolis kvazaŭ pie kantante. Morgaŭ frue mi ekfrapos sur via fenestro, kaj tiam ni forkuros de ĉi tie malproksimen, malproksimen. Sed ĉi tien ni sendu mian fraton, kiu akceptu miajn perloserĉantojn.

Feliĉaj kiel infanoj, plenaj je revoj kaj esperoj, ili je la noktomezo revenis hejmen.

Nipernaadi ne povis ekdormi. Li paŝadis en la korto kaj ĝemadis. Profundaj sulkoj aperis sur lia frunto, kvazaŭ antaŭ nelonge plugitaj. La tutan tempon li paŝadis tien kaj reen. Li eksidiĝis sur ŝtono, sed jam en la sekvanta momento li eksaltis kaj denove komenciĝis nova rondkurado en la korto.

— Nipernaadi, Nipernaĉjo ! iu flustris sur la sojlo de la provizejo.

La junulo ektiminte levis la okulojn. Tie staris Tralla en blanka ĉemizo.

— Vi diris, ke mi devos respondi, ŝi diris, nun mi respondos. Nipernaadi, mi estas preta foriri kun vi, kien vi nur deziras !

— Ĉu efektive, Tralla, la junulo ekkriis ĝoje. Kien mi nur deziras ? Mi estas feliĉa, kara infano, vi estas tiel beleta, tiel neesprimeble beleta ! Sed iru nun dormi, Tralla, pri tio ni parolos morgaŭ.

— Jes, Nipernaadi, Tralla diris humile, fermante post si la provizejpordon.

La junulo dum kelka tempo senmove staris sur la loko. Subite li rimarkis la eklumiĝon de la ĉielrando kaj ektimis. Senbrue, kvazaŭ ŝtelisto li ŝteliris en la ĉambron, li prenis el la angulo la harpon kaj paŝis eksteren. Nespirante kaj sinkaŝante li preterpasis la fenestron de Ello. Transpaŝis la barilon kaj leviĝis sur la monton. Atinginte la landvojon, li ekspiris pli libere. Sed kiam la suno leviĝis de malantaŭ la arbaro, li haltis por momento kaj rigardis en la valon.

Kiam la geedziĝfestaj gastoj atingis la korton, Nipernaadi estis jam malproksime de ĉi tiu loko.

Li paŝis kokete saltante kaj rapidmove kvazaŭ pigo, la longaj brakoj svingiĝis kvazaŭ flagoj en la vento. Liaj piedoj surhavis altajn botojn, grandajn kaj bruantajn kvazaŭ harmonikoj.

El la estona : *Hilda Dresen.*

# FR. ARRASTE KAJ FILOJ

**MAIT METSANURK**

**(Fragmento)**

Jozefo alprenis ĝojan, senzorgan, bravan mienon kaj eniris.

Jam en la antaŭĉambron sonis el la salono laŭta bruo de viroj kaj rido de virinoj. La patro mem venis renkonte, penis rideti kaj prenis la donacon, balbutante ion danke kaj demandante : »Verŝajne iu libro ?... Estos ja bone legi ĝin kelkiam vespere, kiam oni ne povas iri eksteren ... Dankon.«

La patro portis la pakaĵon vigle en la kabineton, ordigis reveninte antaŭ la spegulo sian smokingon kaj nigran kravaton kaj puŝis tiam la filon antaŭ si en la salonon.

»Nu, vidu, nun li fine trovis la veran filon !« kriis Kormits, multe pli ol kvindekjara viro, kun glatrazita, ronda kaj afabla vizaĝo, babilaĉema kiel ĉiam antaŭe. »Alkonduku nur ĉi tien, lokigu sur la tronon, apud vin mem. Tiu ĉi knabo certe restos staranta meze de la vojo, kiam ni ĉiuj jam estos rulfalintaj en la fosaĵon. Eksterlanda edukado : kutimiĝinta al glitiga asfalto.«

Labrador, abundforma kiel peonio en la fino de la florado, sidis inter la sinjorinoj. Tiuj ĉi estis plejparte ĉiuj en plej bona aĝo, bone nutritaj, vestitaj per silko aŭ veluro kun multe da puntoj ĉirkaŭ la kolo kaj sur la brusto, kun dikaj brakoj kaj fingroj, ĉirkaŭhavantaj orringojn. Labrador estis vestita per kafbruna atlassilko kun malhelruĝa rozo sur la brusto, ora horloĝo, kun blanka, longa perloĉeno ĉirkaŭ la kolo.

Ŝi tenis iom pli longe ol la aliaj la manon de Jozefo kaj ridetis tre amike, iom mastrine.

Ĉi tie povis esti proksimume kvaroncento da gastoj kaj la maljunulo iradis senĉese en la antaŭĉambron, por enkonduki la novalvenantojn.

La servistino alportis sur pleto ĉampanon, tintis glasoj, la bruo pligrandiĝis, kelkiuj ridis jam histerie.

Jozefo aliĝis al grupo de viroj kie oni parolis pli mallaŭte, ekbruligis cigaredon kaj ĵetis rigardon al la muroj. Multo jam estis ŝanĝiĝinta ĉi tie de post la morto de la patrino. La tapetoj estis novaj, kun koloro de matura sekalo, kun helbluaj, maldensaj floroj. Al la antaŭaj bildoj estis akiritaj multe da novaj, brilkoloraj pejzaĝoj el iaj malproksimaj sudaj landoj, montaroj, palmoj, kelkiu sanga historia okazintaĵo, iu ĉasosceno.

Novaĵoj estis ankoraŭ brustportretoj de la patro kaj patrino, pligrandigite, unu apud la alia. Jen, nun ili povas paceme esti unu apud la alia, pensis Jozefo.

Oni invitis en alian ĉambron, la maljuna Arraste mem metis la manon ĉirkaŭ la talion de pli grava sinjoro kaj direktis lin al la pordo.

Kormits ekprenis la brakon de Jozefo kaj tiris lin kun si ŝercante :

»Ni povas trankvile iri, kvar eksministroj estas jam alvenintaj... La societo estas nobla. La veraj ministroj estas en la kunveno de l' registaro.«

La vasta manĝoĉambro prezentis malgrandan restoracion : antaŭe tablego kun manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, malantaŭe unuopaj tabloj, kovritaj per blankaj tukoj, sur ĉiu — vazo kun floroj, ĉirkaŭe seĝoj.

Oni rapidis interpremiĝante kaj bruante al la tablego, oni revenis de tie baldaŭ kun plenigitaj teleroj kaj kuniĝis grupe ĉirkaŭ la tabloj.

»Tio estas nenio alia ol malgranda antaŭparolo, enkonduko,« klarigis Kormits, »en la venonta jaro komenciĝos vera festado !« La firmao tridekkvin, la maljunulo mem sesdekkvin. Tiam oni alvenigos la ŝtatestron, luteranan kaj grekortodoksan episkopojn, la ŝirmgvardio honorpafos.. .«

La pordoj al la apudaj ĉambroj estis malfermitaj, ankaŭ tie estis videblaj por manĝo aranĝitaj tabloj — loko devis sufiĉi por ĉiuj.

La maljuna Arraste staris proksime al la tablego, kuraĝigis la gastojn al sinprovizado per manĝaĵoj, rekomendis lokojn, tenante mem en la maldekstra

mano glason de brando, kiun li, bonhumore ridetante, kunfrapadis jen kun unu, jen kun alia.

Junulinoj portis karafojn kun glasoj al la gastoj, portis tien kaj ĉi tien, kie virinoj estis okupintaj la lokojn, flavajn kaj ruĝajn botelojn.

Jozefo retiriĝis tuj, kiam li ricevis ion sur la teleron, en la malantaŭan angulon de la manĝoĉambro. Al li aliĝis kunlernínto, inĝeniero antaŭ nelonge veninta el Ameriko, filo de ŝukomercisto. Venis tien ankaŭ eksministro, nuna grava direktoro de akcia societo. Poste ankoraŭ ŝtofkomercisto, samtempe posedanto de pluraj domoj, kiu komence devigis sin silenti, tute sukcese.

Ĉi tie oni komencis dece, senbrue, pli rigardante ol gustumante, sentante sin superaj al la cetera societo.

»Ĉu en proksima tempo vi ne intencas iri eksterlanden?« demandis la eksministro, malgrasa, kun longeta vizaĝo, al kiu estis vere konvulsie trudita la pensema, preskaŭ saĝa mieno.

»Nia popolo estas malriĉa! Kaj la registaro estas malkapabla! Mi povas nun, en somera tempo stari dum la tuta tago en la vendejo, kun mezurilo en la mano — neniu envenas! Sed kial ne venas? Mankas mono. Sed la registaro mallevu denove la kurzon, ne tenu ĝin obstine alte — tiam ni povas vivi!« Li deviŝis la ŝviton de la vizaĝo kaj malplenigis la glason.

La eksministro balancis malaprobe la kapon: »Vi deziras novan inflacion?!«

La inĝeniero ekkaptis la parolvicon:

»Mi estis interalie en la fabriko de Ford, de kie venas tiuj aŭtomobiloj...«

»La plej aĉaj aŭtomobiloj en la mondo!« insultis la ŝtofkomercisto. »Prefere mi sidiĝas en sterkveturilon, metas sterkajon sub la postaĵon, sed ne en Ford-on.« Li ridis triumfe kaj rigardis, atendante aprobon, de unu al alia.

»Permesu, mi parolas!« malkontentis la inĝe-


E. Ole — Babilado

»Nek bezono, nek bona ebleco nun estas antaŭvideblaj« respondis Jozefo. Oni kunfrapis unuafoje la glasojn, rigardante kun tre granda respekto reciproke en la okulojn.

»Cefe tio donas al la homo kulturan poluron kaj plivastigas la horizonton« daŭrigis la eksministro. »Mi mem ne povis multe esti tie, sed tamen, de tempo al tempo, somere, foje monaton, foje du...«

»Se oni efektive deziras ion lerni, oni vojaĝu en Amerikon« diris instrutone inĝeniero, havante tute razitan kapon, kvarangulan vizaĝon, kaj sur la nazo okulvitrojn kun dikaj kornkadroj.

»Kio estas Eŭropo — amuzejo por vivbruligantoj kaj mallaboremuloj, filozofiantoj kaj bohemoj!«

»Nu jes, sed Ameriko?« demandis nun la ŝtofkomercisto, iom spiregante pro dikeco.

»Ameriko?... Tie oni laboras! Tie ni povas lerni, kiel labori, kiel produkti! ekkriis la inĝeniero.

»Ni havas malmulte da kapitalo,« komencis la eksministro malrapide, pripenseme, movante la lipojn. »Kiam mi estis en la registaro, tiam...«

Sed la ŝtofkomercisto ne havis paciencon por ĝisaŭskulti kaj interrompis:

niero. Ĉu vi scias, kio estas »konvejero«? Mi tuj klarigas al vi. Ni diru, oni vicigas mil virojn ĉe la rubandego. Sur la rubandego veturas aŭtomobilo, tio signifas, estonta aŭtomobilo. Ĉiu viro almetas al ĝi sian parteton, iu ŝraŭbon, iu ŝraŭbingon, iu akson, iu lagron, ĝis la aŭtomobilo estas preta. Nenia momento de haltado, nenia momenteto por ekspiro — ĉiu viro faras sian movon kaj la aŭtomobilo elveturas tra la pordego, sidiĝu en ĝin kaj veturu! Neniu rajtas tie erari, — tiam ĉio haltas, tiam ĉio estas en malordo. Post ĉiuj dek minutoj forruliĝas preta aŭtomobilo. Jen tio estas laboro! Oni faru ĉe ni ankaŭ tiel! Je via sano!«

»Dio rigardu!« ekkriis la ŝtofkomercisto. »Se ni ĉiuj tiel komencas produktaĉi, ni dronos baldaŭ en varabundeco! Kie estas la aĉetanto, kie estas la konsumanto — pro diablo?«

»Sed tamen Ameriko riĉiĝis tiamaniere!« ekkoleretis la inĝeniero.

»Ameriko naĝas en oro« diris la eksministro tre kompetente.

»Kaj dronos en varabundeco,« aldonis Jozefo.

»Vere« ekkriis la ŝtofkomercisto. »Por kio rap-

idas tiu ĉi Ford, se tamen neniu aĉetas liajn aŭtomobilojn, se jam la tuta mondo estas plena de ili! Ja ankaŭ ni kapablus produkti, ekzemple ŝtofon, paperon kaj aliaĵojn! Donu nur al ni aĉetantojn!«

La inĝeniero disetendis embarase la brakojn pruve, ke al tio li ne scipovas respondi, kaj ankaŭ la eksministro diris ion nekompreneblan, por kaŝi sian saĝan penson.

»Amerika laboristo ricevas por sia rapida kaj bona laboro bonan salajron,« diris la inĝeniero, komencante de alia flanko.

»Kiom da senlaboruloj estas tie?« demandis Jozefo kaj respondis mem:

»Laŭ oficialaj sciigoj 3—4 milionoj, laŭ privataj sciigoj duoble pli multe!«

»Sed ĉio ĉi devenas de nia malriĉeco, de la malriĉeco de Eŭropo kaj Azio — ni ne kapablas aĉeti iliajn produktaĵojn,« respondis la inĝeniero.

»Diablo prenu, do fine *ni* estas ankaŭ kulpaj, ke ili havas tiom da senlaboruloj!« ekkriis la ŝtofkomercisto kaj eltrinkis konfirme glaseton da brando.

»Ĉiuokaze la aferoj tie tute ne estas brilaj, kvankam la laboristo ricevas altan salajron,« diris nun ankaŭ la eksministro, kaj volis pli disvolvi sian penson, sed jam la ŝtofkomercisto estis trinkinta brandon, metinta en la buŝon pecon da angilo kune kun la haŭto kaj daŭrigis nun manĝante:

»Kiaj brilaj ili estas! Unu laboristo ricevas altan salajron, alia ne ricevas eĉ groŝon! Ĉu tio estas ia bonorda ekonomio?«

La inĝeniero kaj la eksministro ĉirkaŭrigardis. La ŝtofkomercisto ne ebligis al ili saĝan konversacion.

Sur la sojlo de la salono aperis novaj gastoj kaj Jozefo iris al ili renkonte.

La bruo pligrandiĝis, la virinoj akre krietadis kaj ridaĉis, la voĉo de Kormits superis de tempo al tempo ĉion. Kun brandglaseto en la mano li vagis de unu tablo al alia, kunfrapis la glasojn, diris ion, palpebrumis per siaj oleecaj brunaj okuloj kaj daŭrigis la ruliĝadon.

La maljuna Arraste venis el la alia ĉambro, proksimiĝis al Jozefo, metis tute kviete la manon ĉirkaŭ lian talion kaj diris tute amike:

»Rigardu, vi havas pli junajn okulojn, se al iu mankas io... Aŭ se iu venas, ke li ricevu lokon... Vi ja estas propra homo.«

Propra homo! pensis Jozefo. Tutan jaron mi ne vizitis tiun ĉi lokon!

Sed li sentis hodiaŭ nek amarecon, nek malamon.

Labrador estis ĉirkaŭita de viroj kaj virinoj, ĉe la granda tablo. La bruo estis tie plej laŭta, oni kunfrapadis la glasojn ofte, oni kriis al iu vivuon. De tempo al tempo oni serĉis la maljunan Arraste, oni venigis lin al tiu tablo kaj oni igis lin kisi la manon de Labrador.

Rigardante en la salonon, Jozefo vidis Kormitson antaŭ la tablego en pozo de oratoro, kun vinglaseto en la mano.

Tiu ĉi viro estis aginta en pluraj bankrotiĝintaj societoj, foririnta el ili ĉiuj tiel, ke je la nomo de la edzino aperis duondekduo da domoj, kaj nun li estis kiel bonhava civitano ĉie respektata kaj ŝatata. Eĉ saĝa oni opiniis lin pro lia riĉeco.

Kormits palpebrumis ruze per siaj oleecaj brunaj okuloj, kvazaŭ li scius tre interesajn aferojn, sed intencas malkaŝi el ili nur malgrandan parton!

»Estimata sinjoro Arraste & Filoj, estimataj eksaj kaj estontaj ministroj, sinjorinoj kaj sinjoroj! La

## Brileganta printempo

— Johannes Semper —

Pro la sunbrilo nun
iĝis seketa la
strata pavimo.
Pro maltrankvilo nun
ĉarme
krevas burgon' en sunlum'.
Sed malgraŭ la ŝajna varmeto ja
estas ne varme,
kaj kun
obstino
nudas bulvardo —
Sed sur ĉiel' kia ardo,
dum promeno
malpezo flugila:
flugu aŭ kuru.
Kaj en ĉies mieno
ĝojo rebrila!
Kia ondad' de radioj
vibras tutmonde!
Ĉu vi konkuru?
Logas kaj ravas
alispecaj nun min melodioj.
En okuloj responde
ardas radioj —
vanus estingo!
Jen rigardu, siringo
burĝonojn surhavas!
Fringo nun kantas senlace,
En aero sonor' ia!

Ĉion, kio ĉirkaŭas min,
preni donace,
preni por kor' mia
estus hontige.
Ah, ĝin abunde disŝutas
mia anim',
ke batu la kor' sen-dige,
koro, la fonto,
kien sonore gutas
brilo de l'mondo.

El la estona: *Hilda Dresen.*

---

komenca fervoro de la granda akiraĵdividado jam pasis. Per tio ĉi mi ne aludas tion, per kio la estimata festmastro tiel abunde ŝarĝigis la tablojn — ho ne! Mi parolas ĉi tie pri la havaĵo de nia ŝtato kaj popolo. Ĉiam pli kaj pli malabunda akiraĵo kontentigas la ŝtatŝtelistojn, ĉiam pli mizerajn oficojn oni disdonas al eksministroj, ĉiam pli malofte rapidveturadas la kurieroj inter Ruslando kaj nia lando kaj la alkoholo ne plaŭdetas plu tiel laŭte en iliaj valizoj; ĉiam pli malmultnombre veturas niaj gravuloj al Genevo, ĉiam pli malofte oni trovas oficojn de kuratoroj, ĉiam pli mizere oni donas koruptaĵon, kaj pro ĉiu miliono, kiun oni nuligas el la ŝuldoj de grandaj sinjoroj, estiĝas bruo kaj kriado. Unuvorte: la vidaĵo estas malĝoja, la perspektivo mizera.

Karaj amikoj, la tempoj estas malbonaj. Pro tio nia estimata mastro meritas specialan dankon: li donas al ni la eblon forgesi almenaŭ por kelkaj horoj tiun ĉi aferon. Ni levu la glasojn je la sano de la maljunsinjoro Priidik Arraste, sed ne eltrinku avide ĉion ĝisfunde, mi ankoraŭ ne finis. Je sano!...

La akiraĵdividantoj ekhavis saĝan ideon: dividi la restaĵojn paceme. Tiu ĉi pacemo estas neevitebla,

Tiel estiĝas nek bruo, nek kriado. Kie ankoraŭ troviĝas viandhava osto, tien oni invitas por ricevo virojn el ĉiu tendaro. La viroj manĝas, la gazetoj silentas. Sed ho, kia bruo kaj kriado, se viro el iu grupiĝo ricevas malgrasan peceton! — Tiel, ke oni silente manĝadas la restaĵojn.

Sed kial do ni parolu pri alta politiko, ĉi tio estas afero de ministroj, ekministroj, redaktoroj kaj direktoroj.

Nia afero estas silenti kaj pagi impostojn.«

Ĉe tio oni kriis de multaj flankoj »Vere! Brave! Ni nur pagu! Diablo prenu!... Sed jen la ŝarkoj ne pagas!...«

Tio plaĉis al Kormits, li paŝis de unu piedo sur la alian, ridetis ankoraŭ pli ruze, gratis per fingro la tempion kaj daŭrigis:

»La afero ja tute ne estas tiel malĝojiga, ne faru tiel senkulpan mienon. Ni ja scias, ke ĉe ni oni estas tolerema kaj atendas dum pluraj jaroj —«

»Se oni devas pagi centojn da milionoj!« oni interrompis krie.

»Oni estas tolerema nur al izraelidoj!«

»Nur de malriĉulo oni prenas senprokraste eĉ lian lastan ŝafidon,« daŭrigis Kormits triumfe. »Riĉuloj povas havi arojn da bovoj, ilin tuŝas neniu. Ĉion oni pardonas. (Interrompaj krioj »Vere!«). Mi nur volis diri: ĉion oni pardonas, nur ne malriĉecon. Nun ni turnu alian paĝon. Tiu ĉi alia paĝo parolas pri ni mem, pri negocistoj kaj iliaj edzinoj. Vi ja permesas?«

»Ni petas, ni petas!« oni kriis de la tabloj kaj el grupoj de apudpordaj starantoj.

»Ni ĉiuj estas nur antaŭnelonge venintaj el la kamparo. Aŭ ankaŭ el urbaj antaŭkvartaloj. Ni ĉiuj ankoraŭ bonsanas kaj nia apetito estas diable bona. Tion la estimata mastro povas atesti jam nun post kelkhora manĝado.«

Ĉi tie oni ne kalkulas! kriis la maljuna Arraste.

»Mi diras: nia apetito estas bona!« ripetis Kormits. »Se nia negoco donas al ni bonan profiton, ni ja ne remetas ĝin tien, sed prenas ĝin vespere el la kaso, iras hejmen aŭ en restoracion kaj manĝasdrinkas tiel, ke ni eĉ ĝemas. Kaj fine ni krevas kiel plenblovita veziko.«

Nun estiĝis tia ridado kaj bruado, ke ne estis aŭdeblaj la vortoj de Kormits. Li levis la glason kaj ĉiuj aliaj sekvis lian ekzemplon.

El la estona: *Neeme Ruus.*

---

# TALENTA PARAZITO

### REED MORN

**(FRAGMENTO)**

Kunestante unuafoje kun Pärtel Krais, Ellu estis tro malvarmeta kaj malmultvorta. Ŝi ja entute estis homo, netrovanta eliron el siaj pensoj, malofte sukcesante liberiĝi el ili per esprimiĝo; tiom pli, se ŝi renkontis iun unuafoje. Ŝiaj esprimiĝoj estis ĉiam kvazaŭ pretaj al singardo kaj malfidemaj kontraŭ aliaj. Plaĉemo estis al ŝi ĉiam malagrabla kaj ŝi malŝatis tutkore la reklamperiodon. Ellu kredis je leĝoj de simpatio, kiuj ekkaptas la homojn reciproke, ĉar la vivo jam montris tion al ŝi multmaniere. Tial ŝi ĝenerale ne akcelis siajn dezirceloj, lasante la sorton aranĝi ĉion. Ŝi sciis laŭ precizaj faktoj, ke la sorto estas la evangelio de la senfortuloj. Por pli bona impreso ŝi estis tro serioza kaj malmultdira. Malofte, kiam ŝia impreso estis tute preta pri iu, ankaŭ ŝia spirito iĝis pli libera, eĉ, kelkfoje vorttrova kaj trafa.

Nun ŝiaj pensoj kaj ilia tute mala esprimiĝo ĉagrenis ŝin. Al la homo, kies artikolojn ŝi estis leginta kaj pri kiu ŝi sciis multon interesan, ŝi estus volinta diri ion aprezantan, ion, kio malkaŝas ŝian simpation. Sed male al tio, kiam la interparolado ektuŝis gazetartikolojn, la ĵurnalismon, Ellu demonstris indiferente, kun preskaŭ malŝata mieno: — En la gazetoj mi legas nur komunikojn de teatroj kaj mortanoncojn. Gazeta *literaturo* min entute ne interesas. — Kaj tamen ŝi estus dezirinta, ke tio estu eliĝinta el ŝi alitone. Si sciis la sagacecon de Pärtel Krais, sciis, ke li verkas ankaŭ por pli valoraj lokoj, ne nur por gazetoj. Sed la simpati-pensoj de Ellu levis sin malantaŭ la altajn brovojn, sub la elstarantajn altajetojn de ŝia frunto. S-ro Krais diris serioze, afere, iom kvazaŭ distrite: — Gazetartikolo havas siajn taskojn, ankaŭ ili ne estas plej malgrandaj. Mi havas pri tiu afero iom aliajn vidpunktojn. — Tiam sidiĝis apud Ellu la dommastrino, ĉe kiu Ellu konatiĝis kun Pärtel Krais. Ili tuŝadis iom antaŭajn lernejtempajn komunajn rememorojn, dum s-ro Krais iris fumi kun la dommastro proksime de malfermita fenestro.

En la malklaran humoron de Ellu miksiĝis ankoraŭ tio, pro kio ŝi suferis ofte: la troa malstreĉiĝo de ŝia spitemo, kiam ŝi sentis pro io dirita grandan domaĝon, kvankam ne esprimante tion. Ŝin incitis ankaŭ tio, ke, penante ne rigardi al s-ro Krais, ŝi sentis la tutan tempon, ke ŝiaj pensoj direktas sin tien. La interparolado nun ree ekkaptis fadenon komunan al ĉiuj ĉeestantoj, kaj Ellu bedaŭris sian hazardan viziton tien al sia iama kunlernantino, kie estis troveblaj malmulte da komuninteresaj parolaĵoj, kaj enuo komencis senteble premi la palpebrojn. Kutime ĉiuj temoj, elektataj dum vizitoj, estas eluzitaj kaj enuaj ripetadoj de iu aktuala temo. Ĉi tie do oni ĉiam sentas ke neniu eliĝas libere el sia persono, oni konversacias sur la malalta nivelflanko de la ĝenerala intereso. Ellu'n neniam logis tiaj devig-aspektaj interparoloj. Sed ŝi daŭrigis la sidadon, kiel dum okazoj, kiam encerbiĝas nenia konvena preteksto, uzata por leviĝo aŭ kiam oni timas iri tra la planko sub la kritikanta rigardo de la okulparoj. Kiel oni volus pro enuo fendeti por oscedo la buŝon, sed la ĝentileco sugestias la buŝmuskolojn, dum la okuloj iĝas malsekaj. La tempon, dum kiu oni sidas ĉi tie, oni ne povas vivigi eĉ por siaj pensoj. La kapacito de la cerbo estas plenigita de diversaj devig-pensoj, altrudiĝantaj el la ĉirkaŭaĵo, fremdaj al la propra karaktero, tiel ke por ili plu ne troviĝas libera loko. Ŝi nur forte kunpremis la dentvicojn, restante same malparolema kiel antaŭe, aŭskultante distrite, respondante unusilabe.

Pärtel Krais foriris iom pli frue, motivante sian fruan ekiron per urĝa laboro. — Li ŝajnas laborbesto, verŝajne eĉ ne scipovas ĝui la momenton, ĉi tiu homo, tiel avare traktanta sian tempon, pensis en si Ellu. S-ro Krais premis adiaŭe la manon de Ellu en sian larĝan fortan manon, kien ĝi eniĝis libere, kaj ĉe tio unuafoje sentiĝis al Ellu, ke ĉi tiu manpremo estas tiu de viro. Unuavice li estis viro, nur duavice — homo. Tiel ŝajnis

al Ellu. En la 23-jaran aĝon de Ellu, vere mirinde, ankoraŭ ne estis respeguliĝinta viridealo.

Ŝi ja estis en siaj imagoj adorinta, simpatiinta. Tiel ŝi adoris unun el siaj instruistoj, kiu plaĉis al ŝi pro sia senhelpeco en la praktika vivo kaj en kies rigardo ne ŝokis ŝin la dezirego je la bonajoj de ĉi tiu mondo. Adoro ĉi tio estis tiusence, ke ŝi akceptis senkritike ĉion, kio estis luliĝanta en li. Nenion, kio estis en li, ŝi mezuris per mezurilo de bono kaj malbono. Se eĉ oni estus povinta suspekti, ke ĉi tiu sento estas amo, ĝi estus estinta tia, kiel oni amas delonge mortintajn geniulojn, kiel oni simpatias al tiuj, kiuj nek imagas, nek iam ekscios tion. Tio estis amo, ne atendanta respeguliĝon, eĉ ne sopiranta je ĝi. Tio estis simpatio en ĝia laŭvorta traduko — kunsuferado, kunsuferado kun la plej malgranda trajteto, kun la plej malgranda vivpiko en la persono de la alia. En Ellu estis multe de tiu ĉi revbezono pri alia persono, kie oni povas vidi simpatia eĉ la plej etan bagatelajon en la alia. Ŝi povis forgesi sin en simpatia homo, sidi ĉe liaj piedoj dum lumaj kaj mallumaj tempoj kaj aŭskulti de liaj lipoj vortojn, dum ĉiu vorto ŝajnis al ŝi unuafoja kaj interesa. Simpatiaj voĉkordoj ne eluzus la vortojn ĝis malnoviĝo, eĉ la plej ĉiutaga frazo ekhavus en simpatia buŝo novsencon, kaj la spirito provizus ĝin por la vojo de eterneco. Ŝi estus volinta vidi simpatian homon, por ĉi tiu vidado ŝi faris tamen nenian paŝon. Ŝiaj oreloj estus volonte ĉiam aŭskultintaj lian voĉsonon (kvankam ŝi aŭdis, ke tio ŝokas muzikemajn aŭdsentojn), ŝi foje vidis lin de malproksime kaj forkuris, ne lasante lin alparoli ŝin.

Ellu ne volis foriri kune kun s-ro Krais kaj restis ankoraŭ iom. Ŝi rigardis la tonditan kapon de s-ro Krais kaj sentis plezuron pro tio, ke ĉi tiu kapo estas tondita tiel virece, ke ne ĝenas lian virecan figuron virinecaj bukloj.

La interna mio de Ellu ne estis sur sia ĝusta loko. Nokto ne donis al ŝi dormon kaj tage ĉi tiu nedormita dormo kuŝis ŝarĝe sur ŝiaj frunto, skapoloj, en la oreloj kaj piedfingroj, ŝia pensprocedo haltis en dormnebulo. Kiel abomene estis tiam doni lecionojn kaj kiel nervemaj estis tiam la gluplenaj fingroj !*) La fino de leciono neniel sukcesis alveni, dum tedis jam la okulon mezuri la antaŭiradon de la horloĝmontrilo. Jam ĝenerale la donado de lecionoj estis granda nervozado pro ŝia ĉiama atendado, kio lasis komenci nenion kaj kien la tempo premiĝis nervoziĝe pro la nevenoj kaj la ĉagreno pro malŝparita tempo.

Ankaŭ la sekvan tagon ŝi vekiĝis kun kapo, en kiu la antaŭmatena distrita dormo lasis sian dolorantan postsignon. La nokto ne estis doninta al ŝia interna vivo mallumon. Kvazaŭ per lumjetilo la pasinta nokto iritis la situon de la interna vivo de Ellu, eligante de tie antaŭe neimagitajn gestojn aŭ sonojn. La nokto ne estis malfortiginta ŝian imaglaboron, la kurado kaj enviciĝado de ŝiaj pensoj restis libera kaj rapida.

En la tria mateno, sekvanta al la du unuaj, ĉi tiu rememoro ŝajnis jam kovrita de maldika glaci-tavoleto. Ŝi retenis sin de kreado de iluzioj, priridis sin. Penis antaŭ ĉio ekhavi indiferentan mienon ĉe tiu ĉi rememoro. Sed speciale ankoraŭ Ellu estis homo, kiun simpatiaj homoj povis kelkfoje okupi tiom, ke ŝia personeco estis malaperonta, ke ŝi ne apartenis plu al si mem. Tio okazadis, kiam simpatiaj trajtoj de iu homo iĝis karno kaj sango en la spirito kaj rememoroj de Ellu, kiam ili iĝis ŝiaj kunestantaj kunuloj, kun kiuj ŝi parolis plej bele esprimitajn vortojn kaj interŝanĝis plej surprizajn pensojn. Vanaj, ĉi tiuj rememoroj restis malklariĝantaj malantaŭ la tempo. Tiel ĉiam alvenadis tiuj ĉi gastoj por plenigi la solecon de ŝia ĉambro, elvokite ĉu per ĵusa renkonto, ĉu per bildo aŭ penso, trovita en ŝi kaj ankaŭ aliloke. Entute homoj konkeradis la internan vivon de Ellu ; meme jam korpe foriĝinte, ili plenigadis ŝian spacon kaj tempon. Dividante kun ili komunan spacparton, Ellu eĉ ne vidis ilin, ĉar ŝi estis ofte kaptata de parolemo, kvazaŭ ŝia parolneceseco estus streĉita kiel pafarko, de kio, profitante la okazon, ŝi estis nun liberiĝanta. Malagrabla sento kaj bedaŭro ordigis ankoraŭ longe ĝiajn rezultojn en ŝiaj cerbo kaj koro, ĝis ili rekonsciiĝis, kaj paŝoj de imagoj restigis en ŝi malmulte da postsignoj.

Pasis tagoj-noktoj. La amareco de la rememoro de Ellu komencis malpliiĝi. Rigardante en sin, kliniĝante en sian internan vivon, ŝi trovis, ke tie levas la kapon viro, kiun ŝi vidis kiel la unuan viron. Lia manpremo estis firma kaj apoga. La forte, eble eĉ iom tro akcentita antaŭeniĝo de la malsupra parto de lia vizaĝo faris impreson, ne similantan al aliaj, pro sia iom diklipa buŝo. Kaj Ellu ne toleris homojn kun preskaŭ atrofiiĝinta mentonrestajo, kiu iĝis la vizaĝon tiel senesprima.

Pärtel Krais plaĉis al Ellu, pri tio ŝi iĝis konscia antaŭ si mem. Ŝi nur bedaŭris, ke la homoj ne povas transdoni sin unu al alia nur anime, kaj bezonas por

*) Ellu vivtenis sin per lecionoj kaj farado de cigared-skatoloj.

## Buŝo kantas, kor' malĝojas

*Popolkanto*

Kiu aŭdas nin kantantaj,
nin kantantaj, nin runantaj,
tiu dirus, ke ni ĝojas,
ke ni plenas je plezuro,
ke ni kantas gajan kanton,
gajan kanton, ĝojan kanton.
Mi kantadas tra la tristo,
tra la kor' lamente trema,
tra la zorgoj turmentantaj.
Buŝo kantas, kor' malĝojas,
la okuloj verŝas akvon,
vangoj ondojn forfluiĝas,
la palpebrojn larmoj lavas.
Koro konas multajn kulpojn,
vangoj ondojn forfluigas,
brusto zorgon premegantan.

El la estona : *Henrik Allari.*

## Hejmo de kantistino

*Popolkanto*

Kie hejm' de l' orulino,
ĉambro de la ĉarmulino,
dormolok' de l' daliino,
kabanet' de l' kreskaĵeto ?
Tie hejm' de l' orulino,
ĉambro de la ĉarmulino,
dormolok' de l' daliino,
kabanet' de l' kreskaĵeto,
kie la piceoj pompas,
la graciaj alnoj altas,
la tremoloj junaj tremas ;
la betuloj blankaj bruas.
Tie hejm' de orulino,
ĉambro de la ĉarmulino,
dormolok' de l' daliino,
kabanet' de l' kreskaĵeto.

El la estona : *Henrik Allari.*

tio la malbonan interpretadon de la korpo. La kunestado kun Pärtel Krais konserviĝis en Ellu rigarde kaj vorte. Ŝi ne povis memori multon pri la surtera mio de la homoj, ŝi vidis en ili unue la kolortrajtojn de ilia persono, traktante ilin, kvazaŭ ili eĉ ne estus korphavantoj.

Ŝia sopiro avidis kelkfoje eliĝi el ŝi en iun vorton aŭ tempmomenton por perdi sin. Volonte ŝi estus preninta en la adresejo la adreson kaj irinta al li. Tio estus povinta forigi ŝian sopiron. Sed la sentoj, leviĝantaj el la koro, devas lacigi sin sur la longa vojo de la eksteraj sensoj. Eble pereus ŝia fido sur lia kor-rifo serĉanta kaŝpensojn. Estu eĉ tiel, ĉar ŝin ekkaptis sopiro pri li, tenante ŝin sur fortaj brakoj. Ŝi estus volinta apartigi pli detale liajn trajtojn, ĉi tiujn sortpunktetojn. Volonte ŝi estus pasiginta horojn, observante ilin, enprofundigante en ilin la pensojn, legante ilin kiel libron ; laŭ komponado de siaj spertoj ŝi estus forminta tie la vivon. Dume helis en la memoro nur la vizaĝesprimo, movoj kaj voĉo. Ŝi estus volinta vidi ilian tutajon, sinceran kaj virecan vizaĝon, kie mankas la tuta malvastanimeco kaj mensmalriĉeco de la ettrajtaj etburĝaj vizaĝoj.

Multajn tagojn ŝi sidis kun domaĝsento en la interno, intencante senpere efiki je li telepatie. Kaj la hazardo transprenis la gvidadon al si.

Promenante sur la stratoj, Ellu foje haltis ie antaŭ montrofenestro de fotografisto, kie, inter aliaj elmetitaj fotografajoj, ŝi rimarkis grupon da junuloj — kaj inter ili sian pensfiksiton. Ŝi miris pri la iom nefacetitaj vizaĝtrajtoj, ne subtiligitaj de generacioj, kaj tamen fortoplenaj kaj vivkapablaj. Ŝi dubis ankoraŭ, ĉu entute ĉi tiu vizaĝo apartenas al la supozato. Tiom malmultajn el tiuj ĉi trajtoj konservis al ŝi ŝia memoro.

Profundiĝinte en la esploradon, dum kiu facile forgesiĝis la ĉirkaŭajo, Ellu eksentis de ie rigardon al sia profilo. Turnante la kapon, ŝi rigardis al la vireca vasttrajta vizaĝo de Pärtel Krais. La nekaŝita ĝojo pro la surprizo, kiu komence aperis en la okuloj de Ellu, foriĝis same rapide pro la ĝentile-serioza mieno, kiam ŝi etendis salute la manon al s-ro Krais. Ĉi tiu movo sentiĝis tiel familiara, kvazaŭ eĉ ne povus enkapiĝi penso, ke post unufoja konatiĝo restas konataj nur tre malmultaj homoj.

— Mi esploras vian fotografajon. Mi estis konvinkita, ke tiu kapo, lokigita iom kline kaj apogita al mandorso, apartenas al vi, diris Ellu montrante sur la bildo iun vizaĝon.

— Jes, apartenas. Ĉu tiel malmulte vi memoras la trajtojn, ke vi ankoraŭ dubas pri ili ?

— Mi memoras la homon precipe laŭ liaj mieno, voĉo, movoj. La trajtoj de la vizaĝo estas io flanka, la mieno — ĉio. La mieno apartenas al la homo, la trajtoj — al la naturo : kruda materialo, donita al la homspirito por ellaboro.

Kaj ili paŝis antaŭen kune, parolante pri komunaj interesajoj, sobravorte kaj kun paŭzoj. Por flua kaj senhalta interparolo estas surstrate tro multaj malhelpoj. La interparolo temis precipe pri kritikaj demandoj, kie evidentiĝis, ke la opinioj de Ellu estas ofte malaj al tiuj de s-ro Krais, sed la rilato al la interspaco de ĉi tiuj opinioj estis ambaŭflanke tiom bonvola, ke tio nur pligrandigis la bonan humoron. Estus eĉ maloportune kaj strange, se la opinioj de du homoj okaze ĉiam tiel koincidus, kvazaŭ ilia naskiĝloko estus nur unu kapo. Ne sentis Ellu mokbezonon, kiel ŝi sentis ĝin, kunestante kun Ilmar Annuk, kiam ŝi neniel povis ne piki post kelkaj frazoj sian kunparolanton ; nek glitis en ĉi tiun interparolon ŝerca frazfragmento. Profana estus sentiĝinta nun ŝerca frazo kaj vantaj ŝajni la multaj vortoj. Pli volonte Ellu estus nun sidinta, kliniĝinte en solecon kaj sin mem, jam pro nura sciemo.

Estis senteble, ke ĉi tio iĝas interrilato, fakte ĝi ja estis tio de la unua rigardo, kiu ŝajnis ignori la animapartigajn intermurojn, transgrimpante ilin per ĉiaj metodoj kaj eksperimentoj. Ĉi tiu vojo kondukis, laŭ plej geometria rektlinio, sen ia alarmo, en la koron de la alia. Ili ne bezonis lerni la alfabeton, ili ne bezonis silabadon, iliaj koroj ŝajnis denaskaj legantoj unu rilate al la alia. Nun neimageblaj detalajoj ne estus povintaj ŝanĝi la tutaspekton de ilia interrilato. Estis eĉ pli ĝuste reteni ĉi tie la vortojn, kiuj ĉiam suspektas kaj estas ekzemplo por la mankhaveco de homa esprimkapablo.

Ellu primiris kaj malfidis sin, rilatante de komika flanko al sia nova stato, sia animsituo. Ŝi seriozĝis tamen, rigardante kun ia malagrabla sento sian vivovojon, kiu ŝajnis ekkonstrui ĝis tiam neimagitan transversan straton. Ŝi sentis, kiel io nova venas en ŝian ĝistiaman konvinkon : kun ĉi tiu homo vi povus havi komunajn sekretojn, intimajn sekretojn.

Ili disiĝis en la urbo, ne promesante intervidiĝi. Fiksitaj renkontiĝoj kaj promesoj estas sentkonfuzaj kaj ligantaj. La plej ligitaj sentoj iras laŭ vojoj, plej liberaj je ligiloj. La plej bele kaj ekscite feliĉiga tempo estas la tempo de atendadoj, kiam nenio ankoraŭ estas ligita je nodo, kio povus fari ĝin labortagaspekta. Nenio povas iĝi teda ĉiutageco, la interesa aspekto de noveco konserviĝas ĉie kaj entenos atendojn-surprizojn ankoraŭ mor-



E. Viiralt *Lignogravuro*

gaŭ. Subtilaj kaj apartenantaj nur al seriozaj sentoj estas la gestoj kaj antaŭsentoj de la animoj, kiam ĉio estas ankoraŭ direktata nur de la koroj mem. Jam la bezono de unu el ambaŭ kondukas al intervidiĝo eĉ sen antaŭa fiksado.

Hela kaj konsternanta mensvibro ne deziris akcepti la virecon de Krais volonte, sed la sentovivo ĝuis dum iuj momentoj sian malfortecon. Tio estis novaj momentoj, kiuj ŝutiĝis en la senkoloran ĉiutagan vivon de Ellu. Al ŝia mem-indeco ĉi tio sentiĝis malagrabla, tamen ŝi sentis plezuron esti ordinara, ĉiutageca, simila al hommiloj ; esti homo, kiaj ĉirkaŭe en la universo ĉirkaŭas vin kunule kiel milionoj da vivbagatelajoj ; kiuj plenigas, tegas la fundon de la vivo, el kiuj tamen neniu kaj el kies agado nenio fluas al historia ekstera surfaco. La vivofeliĉo konsistas ĝuste en ĉi tiu kaŝita kaj neĝenata ĝuado, el kiu ricevos nenion postaj homgeneracioj, kien venos neniu flanka persono kiel vidanto aŭ scianto. Belege estas posedi la sensojn de milionoj, al la banalaj detalajoj de kies receptita vivo estas freŝa, vere grandioza la kontentiĝo de ilia korpo kaj la paco de la animo, kie oni povus dormi dum momento. Kial do esti ethomo, limigita korpe kaj anime, se tion ne rekompencos eĉ kvieta vivdaŭrigado !

Ellu sentis ion novan moviĝanta en sia interna vivo: tio estis ŝanĝo, kiun ŝi ĝuis kiel surprizon de noveco. Rektigis eĉ la espero sian fruaĝe kliniĝintan kapon : eble eĉ ŝi scipovos ĝui ĉi tiujn bongustajojn de la vivo, sed ilin devis fari ĝueblaj por ŝi la persono de Pärtel Krais. Ŝajnis, ke ŝia animo atingis novan stadion, en kiu valoris halti.

Hazardo renkontigis Ellu'n kun Pärtel Krais plurfoje. Inter aliaj Ellu evitis Pärtel'on, ĉar io timigis ŝin. Vorto, preterpase faligita de multaj nevideblaj lipoj, povas ofte amarigi la humoron. Ĉi tiu vorto per si mem, foje jam dirita de maldelikataj lipoj, ne estas ja grava, sed ĝi povas estigi en la animo postsignon. Ŝi timis profani al multaj okuloj siajn sentojn, ŝi volis esti nenio al multaj okuloj kaj oreloj. Al Pärtel ĉi tiu trajto estis komence stranga, sed, malkovriĝante iom post iom, ĝi malfermis ree novan angulon en la animvivo de Ellu.

Ili konis unu la alian kelkajn monatojn, dum kiuj la tempo de Ellu pasis pli rapide en lecionoj, ĉe cigaredskatoloj, kie firmiĝis revoj kaj de kie estiĝis sentrememoroj por liberaj matenaj kaj vesperaj horoj ; ŝia sentvivo estis multe malpliiginta la tempon. Kaj tiam ĉi tiun interrilaton rompis Pärtel per demando, kiun Ellu time antaŭsentis, ĉar ĉi tiun antaŭsenton ŝi neniel volis agnoski : — kiam ni geedziĝos ?

Ĉi tiu demando sentiĝis tiel nekonvena, al Ellu ĝi estis pli surpriza ol iu antaŭe neimagita frazfragmento. Ŝin neniam interesis nek logis la vera enhavo de edzeco — la komuna vivo de korpo kaj animo, kiu respeguliĝas utile en la socian vivon. Ŝi ankaŭ ne kredis je la efektiveco de tiu ĉi komuna vivo : nek tion, ke pere de la animo oni aliras la korpon, nek same malmulte tion, ke pere de la korpo oni aliras la animon. Ŝin ŝokis ja ofte la komuna vizaĝesprimo de geedzoj. Kial ili perdu siajn individuajn apartajn trajtojn por rigardi en animspegulo la komunan mienon ?

La vizaĝo de Pärtel Krais, kiu faris ĉi tiun demandon ĝoj-sincere, jam entimeme transpaŝante la demandon, ĉu ili geedziĝos, — ekhavis konsternitan kaj iom ĝenitan esprimon. Ellu estis ĝuste rigardanta flanken, kiam la eĥo de tiu ĉi demando kondukis ŝin en konfuzan pensosferon. Ŝi rigardis nun la vizaĝon de Krais : tian esprimon havis iam ankaŭ Ilmar Annuk, sed ĝi estis pli supraja kaj naiva.

Ellu sentis, ke ŝi fariĝos momentmartiro. Ŝi prenis la du larĝajn kaj fortajn blankajn manojn de Pärtel, volante per tio mildigi sian opinion : Mi ne volus, ke iam trapenetru vian internan vivon abomeno aŭ kolero je mi... Sed Pärtel Krais ŝajnis entuziasmiĝi pro la proksimeco de Ellu, pro ŝia persono, kiun la tempo kaj lernadoj stampis per spiritaj postsignoj. Ĉiuj okazajoj, la plej hazardaj alajoj de plej hazarda momento ne kapablus ŝanĝi ion ĉi-rilate. Pärtel Krais ekkaptis la manojn de Ellu siavice : Ho, vi granda, malgranda, malsaĝa kaj saĝa infano ! Ellu sentis sin falanta sur larĝan, bonevoluintan kaj aerabundan bruston, sentis la bezonon premi sin pli profunden. La palpebroj de ŝiaj pensoj estis fermiĝantaj kaj ekdormantaj. Ŝi sentis, kiel estas kisata ŝiaj frunto, okuloj, buŝo, ĉi momento restigis al ŝi sentrememorojn, ŝi sentis sin mem envolviĝanta en varmegon... Kaj subite sentiĝis kvazaŭ ŝi starus kiel konfirmaciatino antaŭ altaro, la vasta maniko de la pastro kovras la rigardon kaj ridemo ĉiam pli leviĝas en la brusto. Ankaŭ nun viziis al ŝi la graciaj kornoj de la raci-satano. En ŝi malaperis ĉia sento de komuneco kun la persono, tenanta ŝin, apatio eniĝis en la membrojn, ŝia tuta persono alprenis libere indiferentan pozon. Ŝin retenadis ankoraŭ ĝentileco kaj taktosento, sed en malproksimon, ne atingeblan por la okuloj estis foriĝinta la timo liberiĝi de li.

Ĉi tiu fiasko restis ĝena rememoro por ambaŭ.

Ellu pensis ankoraŭ longe, ke ŝia sinalpremado al ies apogo fariĝas ne sufiĉe sindona, ne virineca, ne tia, kia ĝi devus esti. Same malsukcesa kiel ŝiaj malmultaj ekzercoj de modernaj dancoj, kie la virino devas fari nenion alian ol senti la volon de la viro kaj tuj ekkapti ĝin, esti sufiĉe fleksebla kaj sindona por la akcepto de tiu ĉi volo. Al ŝi tio ne estis organa, al ŝi mankis organo por ĝui tion. Ŝi ne apartenis al la kategorio de rasaj virinoj.

Al ŝi sentiĝis, ke ŝi entute ne povas esprimiĝi age. Ŝia animo kvazaŭ estas en fremda korpo aŭ fremda animo en ŝia korpo : tiel ilia agado sentiĝis kontraŭa unu al la alia. Ĉu en la infaneco enradikiĝis en ŝi fremda agmaniero, reaganta malĝuste ? Ŝi estis ĉiam nekapabla decidi, ekkaptante ĉiun decidon hazarde, nur por eviti decidĝenon. Ĉu en ŝia vivo troviĝis almenaŭ io, koncerne kion ŝi agis per la vera volo de sia persono ? Ili ĉiuj estis ĉu senpacienca ekscit-ekkapto aŭ deziro saviĝi de decidneceseco.

Kaj rilate al sentoj ŝi estis kvazaŭ kribrilo, el ili nenio restis en ŝi por longa tempo. Ŝi ne povis reale kredi, esperi kaj ami. Ĉi tiuj tri vivankroj de homanimo okupadis ŝin nur fiktive, turni ilin al realajoj estis al ŝi neeble. Ŝi agis kiel homo, apartigita de si mem, trovante post momento sian kontraŭan flankon, el kiuj kun neniu ŝi povis vivi reale. Ŝi estis ŝarĝo por si mem pro sia vivmalkapableco.

Aŭ se ŝi nun edziniĝus kun Pärtel Krais — kia idilio aŭ trankvil-vivo, intensigita de edzec-bagatelajoj. Ŝi estis vidinta la zorgadon de la edzinoj pri sia freŝeco kaj noveco por ĉiam konkeradi la edzon per novaj allogajoj, kiurilate necesas esti eltrovema. Por tio ŝi eluzu sian personon, por tio ŝi ŝparu la plej belajn jarojn de sia vivo ? Aliflanke ŝin ravis rezigno. Jam tio mem valorus ion, trovi ĉiam en la samaj aferoj novajn flankojn, scipovi vidi ĉiun antaŭe viditan aferon interesa, ne sentante enuon. Sed siajn vivon kaj personon ŝi amis tiom, ke al neniu ŝi oferus ĝian esencon.

Edzeco estus por ŝi dumviva farado de mispaŝoj. Se eĉ ŝi edziniĝus, instigilo ĉi-okaze estus bezono je diverseco, emo je travivo de novaj impresoj, atendado de

surprizoj el la kunvivado. Tio estus nur nova vojo pliproksimiĝi al la vivsenco, estus eksperimento por sia propra persono, estus malgranda variajo je la vivtemo. Ĝi kunportus al ŝi la edzec-ĉiutagecon kun ĉiuj multe kostantaj konkretaj fenomenoj de ĝia animvivo. Ŝi staris senkomprene antaŭ la hejma familia feliĉo, antaŭ ĉi tiu etburĝa aksiomo. El iu neklara angulo de la memoro malrapide eliĝis al ŝi songo, kiu iam en la aĝo de dek kvin jaroj estis terurvekinta ŝin. Ŝi estis en songo vidinta sin patrino meze de aro de infanoj. Ŝi alrigardis ĉiun el ili. Ŝi sciis la fakton, ke laŭdire tio estas ŝiaj infanoj, en sia koro ŝi tamen ne sentis tion. Kaj ŝi iĝis malĝoja pro tio, ke ŝia vivo estis produktinta nenion alian ol nur aron da grasaj infanoj. Kaj teruro vekis ŝin. Kiel ŝi povus tiam ankoraŭ esti la sola reganto de siaj tagoj. Kiel ŝi povus tiam kuŝadi dum tagoj de mateno ĝis vespero en la lito, legante aŭ pensante kun malorda hararo, eliri laŭvole, ne iri, se ŝi ne volas? Ŝi ne scipovus ĉiam konsideri la alian, neniam ŝi fariĝus edzecmartiro.

Ŝi ne estus volinta kredi je la malkapableco de sia mio adoptiĝi al edzeco. Ĉu do vere ŝi ne amis Pärtel Krais'on, en kies persono la sorto alportis al ŝi plurium detalajon kiel surprizon? Sed fakte en ŝiaj sentoj ĉiuj homoj renkontadis unu la alian: tiu, kiu unuarigarde ŝajnis malsimpatia, komencis post kelka tempo ŝajni pli bona, kaj kiu mortemulo do havus tiel aĉan sorton, ke ĝi kundonus al li en ĉi tiun mondon neniun trajton, per kiu al la proksimuloj lia persono iĝu tolerebla? Tiel li ektroviĝis sur la mezvojo de la sentoj de Ellu. Sed tiu, je kiu entuziasmiĝis ŝia unua rigardo, ekhavis post kelka tempo trajtojn, kiuj ŝovadis ŝian unuan impreson al mezvojo. Kaj kiu el la mortemuloj do ne havas trajtojn, forigantajn entuziasmon? Tiel ili ĉiuj renkontiĝadis sur la mezvojo, kaj Ellu sentadis sin samgrade malproksima de ili ĉiuj.

Kiam finiĝos do por vivanto la periodo de eksperimentoj, kiam komenciĝos serioza, esence vivata tempo?

La memanalizo de Ellu montris al ŝi, ke ŝiaj sentoj ne malkaŝas en Pärtel Krais al ŝi tiujn malgrandajn, ŝajne tiel malsaĝajn detalajojn, kiujn oni metus en liajn vizaĝtrajtojn por vivigi lian fruntmalantaŭon, por doni enhavon al lia rigardo. Tio ne igis Ellu'n vidi la nuancojn de la korpo kaj animo de Pärtel. Iufoje malofte nur kiel sunzenito eklumiĝis en la persono de Pärtel ia neekzistanta trajto. Nenio mirinda, se ofte la amo malkaŝas en la homo poezikapablojn. Ĉiu tutece forte impresanta okazajo aŭ sento akrigas la sensojn de la homo por vidado de nuancoj. Estas necese vidi kiel klarvidanto, — kaj je tia animstato favore efikas amo. La homo estas kapabla por nenio plene kaj tutece, kion li ne amas.

Sed tamen: per kio ŝi fermos la interaktojn de sia memanalizo, la intertempojn de la observado de sia propra animo? Ne sufiĉos eble ĝis la fino de la vivo imagajoj, poezi-travivajoj, inspiritaj de ili, papera libroregno, duopo kun si mem. Iam alvenos en la animon eble granda soleco, kaptanta ŝin tutece, ĝis ŝiaj mi-radikoj,

***A. Jansen***



***Portreto de filino***

kie oni sentas eble bezonon je proksima animo? Eble ŝi bedaŭrus tiam iun perditan momenton? Sed bedaŭrado estas afero de plorokulaj amasanimoj.

Ĉu vere ŝi povus senti sopiron je alia homo apud kiu oni maljuniĝu en komunaj opinioj kaj mondkoncepto, apud kiu oni nutru sian korpon de komuna tablo kaj atendu dormon en komuna lito kaj apud kiu oni putradu fine en komuna enterigejo? Konvenas ŝia vivlinio al neniu por kunvivado kaj ŝi mem al neniu kiel pan-alajo. Se ŝi amas, do antaŭ ĉio sian senton, la amon en si mem. Ŝi estas amanto *par excellence*, tio estas amo *l'amour pour l'amour*. Ŝi amis sian imagajon, amis eble iam Ilmar Annuk'on, kiu scias, nome tiun, kiu troviĝis en ŝi, Ellu, ne tiun, kies vivrestadejo estis en la korpo de Ilmar Annuk. Same eble Pärtel Krais'on. Kaj kiel tia ŝi estus al si kaj al aliaj turmento, ŝi sentis sin iufoje en sia interna vivo kiel Tantalo.

El la estona: *Helmi Dresen.*

---

# VERO KAJ PRAVECO

### A. H. TAMMSAARE

### (Fragmento)



La preĝejon ankaŭ la mastro kaj la mastrino de Eespere vizitos hodiaŭ, en la unua festtago, ĉar ili estas ja ankoraŭ junaj, seninfanaj. La pli aĝaj homoj ŝatas la duan festtagon — tiel estas laŭorde kaj laŭkutime. En la preĝejon iros ankaŭ la servisto kaj servistino, la hejmon gardi venos la banejonklino.*) Ŝi do tagmeze melkos ankaŭ la bovinojn kaj filtros la lakton en la tinetojn, kiujn la mastrino mem jam lavis en sablotrogo kaj fomentis per fajreruĝigitaj ŝtonoj, por ke ne influu la lakton dum varmego malica okulo. La servistino povas esti ankaŭ tiel senzorga, ke ŝi verŝetas el la melkujo freŝan lakton sur la plankon kaj mem vadas en ĝi, tamen la lakto de Vargamäe-Eespere estas bona, ĝi nek fariĝas gluiĝa, nek malboniĝas alimaniere.

En la preĝejon irus ankaŭ la paŝtisto Eedi, ĉar anstataŭ li la banejonklo estas hodiaŭ kun la brutaro en la marĉo, sed kiel iri, se li havas nenion, per kio vesti la piedojn. Li ja havas pastlojn**) el netanita ledo, sed ili estas jam delonge eluzitaj: ili havas grandajn truojn en la pintoj kaj ĉe la kalkano kaj la entranĉajoj estis jam tiel putraj, ke ili nek tenas plu la laĉojn, nek eltenas la streĉadon de la rimenoj. Malbona estas la afero ankaŭ koncerne la ceteran vestajon, tiel ke nenio estas farebla, oni devas sola resti hejme kaj nur rigardi, kiel ornamvestas sin la aliaj kaj iras — nudpiede, tenante la pastlojn aŭ botojn kune kun la ŝtrumpoj en la mano, ĉar tiel estas pli facile iri. Krome estas ja domaĝe eluzi la piedvestojn dum la longa preĝejiro.

Tiel iras la servisto kaj servistino de Vargamäe, tiel venas la preĝejvizitantoj de Ämmasoo, Vöösiku, Hundipalu, Rava, Kukesaare kaj Dio scias, de kie. Ĉiuj ili preterrapidas la pordegon. Sed kiu volas observi ĉe la pordego, tiu vidas ankaŭ, kiel la preĝejvizitantoj dum la tuta tempo iradas laŭ la marĉponto el Soovälja kaj el aliaj lokoj pli malproksimaj.

Post ĉiu momento la hundo havas kaŭzon por kuri al la kortpordego por boji, sed ĝi faras tion tiel, kvazaŭ ĝi dezirus al la preĝejvizitantoj nur bonajn festtagojn kaj pacon dum la grava elverŝado de la sankta spirito, aŭ kvazaŭ alie ĝi hontus iri al la pordego por rigardi, ĉu efektive ĉiuj estas preĝejvizitantoj, kiuj hodiaŭ preterrapidas.

*) Estonaj kamparanoj kutimas havi loĝantojn en la antaŭĉambro de sia banejo; ilin en hejmeca alparolo oni nomas banejonklo, banejonklino.

**) Speco de kamparanaj ŝuoj.

Kiam la mastro kaj la mastrino ekveturis, Eedi malfermis antaŭ ili la pordegon. Kompreneble ĉe tio li havis sian kaŝpenson. La mastrino komprenis tion kaj diris:

»Ĉu ankaŭ vi volas veturi?«

La knabo pro ĝojo ne povis eligi eĉ unu vorton, tiel ege ektremis la koro en li pro la afablaj vortoj de la mastrino. Li nur staris kaj ridetis iom stulte.

»Kuru, sursaltu! Rapide!« diris nun ankaŭ la mastro kaj haltigis la ĉevalon.

Tiel okazis, ke la paŝtisto Eedi ektroviĝis sur la veturilo de la gemastroj, kiu veturis kun granda bruo malsupren de la kampmonto, kvazaŭ ĝi veturigus nur preĝejvizitantojn. Sed Eedi tute ne aspektis kiel preĝejvizitanto. Li ja surhavis novan jakon kaj de sub ĝi estis videbla pura blanka ĉemizo, sed la pantalono estis stupa kaj malnova, la sid- kaj genulokoj flikitaj. Sur la kapo senŝirmila ĉapo. Li mem estis provinta per blanka fadeno alkudri ĉi tiun nigran ŝirmilon al la ĉapo, sed la fadeno malkudriĝis baldaŭ, pro kio la ŝirmilo duone ekpendis, tiel ke ĝi pli ĝenis, ol ornamis. Certe ĉi tiu kurbigita kaj rompetiĝinta ĉapŝirmilo ankoraŭ eĉ nun kuŝaĉas ie, sed Eedi devas kontentiĝi sen ĝi. Dum paŝtado ĝi eĉ ne estas tiel grava, ĉar ankaŭ la knabo de Aaseme surhavas tian senŝirmilan ĉapon. Nur en la preĝejon ne konvenas iri kun ĝi, tien ne, tie ĉies ĉapoj havas ŝirmilon kaj ne alkudritajn per hejmefarita blanka fadeno.

Tiel do Eedi, pro sia ĉapŝirmilo, netanitaj pastloj kaj flikita stupa pantalono, devis ĉe la kampfino malsuprengrimpi de sur la veturilo kaj sola hejmeniri. Havis nenian sencon pli longe resti tie, ĉar eniri la preĝejon li ne povos kaj sur la marĉponto veturi ja tamen ne estas eble. La mastro eĉ mem malsuprenvenis kaj donis la kondukilojn al la mastrino: ŝi sola devis resti sur la veturilo, puŝbatate de vojŝtipoj kaj turmentate de kavoj.

»La banejonklino estos kun vi hejme«, diris la mastrino al la knabo kvazaŭ konsole. »La blanka pano estas en la tenejo en la kestego, prenu de tie kaj manĝu, kiom vi deziras, mi kaŝis pro la musoj. Surŝmiru buteron, ne manĝu sen ĝi, estas ja festtagoj.«

La gemastroj daŭrigis sian vojon, la knabo reiris. Sed ne estus tiel grave, se la mastrino ne estus parolinta tiel. Estus eble ankoraŭ pli bone, se la gemastroj eĉ ne estus veturigintaj lin, ĉar tiel li ankaŭ ne estus sciinta, kion signifas veturi en pentekosta unua festtago kune kun aliaj al preĝejo, kiam videbliĝas malproksime, malproksime, trans la marĉoj, la preĝejturo, kiel ĝi estas videbla hodiaŭ: malklare, en la bluo de

la sunvarmigita aero, kiu tremetadas kaj vibradas. Tiel estas nur dum grandaj festtagoj, tion Eedi certe scias.

Alveninte hejmen, la knabo ne povis plu foriri de la kortpordego, kie estis videbla la preĝejturo. Li premis la vizaĝon al la dense fiksitaj pordegstangetoj kaj rigardis, rigardadis, mem bone ne sciante, kion li tiel rigardas. Pro la rigardado li eble eĉ ne estus rimarkinta la preterirantajn preĝejvizitantojn, se la hundo, sidanta apud li, ne estus ekbojinta salute al ili. Ĉi tio vekis la knabon el lia dormeto. Sed baldaŭ li denove rigardadis, kvazaŭ la hundo ne estus antaŭ nelonge eliginta ian sonon. Tiel staris la knabo ĝis kiam eksonis la preĝejsonoriloj — obtuze kaj milde. Neniam antaŭe la knabo estis rimarkinta, ke la preĝejsonoriloj povas havi en la unua pentekosta festtago tian sonon. Jam matene, je la sesa, kiam oni sonorigis, sciigante, ke la pordoj de la preĝejo estas ma'fermi'aj, li aŭdis ĉi tiun mirindan sonon, ĉar pro dolĉa doloro en la koro ne venis al li dormo en la sub'egmen'ejo. Aŭdiĝas, kvazaŭ oni enterigus iun. Tiel sentiĝas al la knabo nun, kiam li rigardas ĉe la kortpordego.

Tiel oni sonorigis iam ankaŭ al lia patrino, sed unu sonorilon, ĉar por du oni ne povis pagi. Sed hodiaŭ oni sonorigis du, kvazaŭ estus mortintaj du patrinoj samtempe : al ambaŭ oni sonorigas po unu sonorilo, sume du. Tiam, antaŭ kelkaj jaroj, kiam sonoris unu sonorilo, ankaŭ Eedi iris en la preĝejon. Sed hodiaŭ li ne iras, ĉar hodiaŭ oni sonorigas du sonorilojn. Hodiaŭ veturas la mastrino, kiu diris, ke li prenu blankan panon el la kestego kaj surŝmiru buteron. Li, Eedi, staras nur ĉe la pordego kaj aŭskultas, kiel ili sonoras kvazaŭ mortsonoriloj.

Ho ! En la preĝejo oni kvazaŭ eĉ ne sonorigas aliokaze, ol nur por mortintoj. Kaj ĉiam staras iu knabo, vestita per disŝirita pantalono kaj surhavanta senŝirmilan ĉapon, ie ĉe kortpordego, aŭskultante kaj rigardante de inter la stangetoj, eĉ mem bone ne sciante, kion li tiel ege aŭskultas kaj rigardas.

Kiam la malfruaj preĝejvizitantoj preterveturis la kortpordegon de Vargamäe-Eespere, ili vidis, ke malantaŭ la pordego sidas knabo, kun senŝirmila ĉapo sur la kapo, kaj ploras. Hundo sidas apud la knabo kaj ekbojas ĉiufoje, sed li ne rimarkas tion. Li ne vidas eĉ tion, kiel apud la pordego floras kripla sorparbo kaj kiel ĉirkaŭ la floroj zumas abeloj. Li vidas entute nenion, li nur sidas sub la floranta sorparbo kaj larmoj fluas tra la vangoj. Ĉar tiel estas plej bone, nun estas tiel plej bone sidi ĉe la kortpordego sub la sorparbo. Sed malproksime obtuze sonas la preĝejsonoriloj, kvazaŭ oni enterigas ies patrinon . .

Kiam la gemastroj hejmenvenis el la preĝejo kaj la mastrino metis la manĝaĵojn sur la tablon, ŝi diris :

»Eedi, vi eĉ ne prenis al vi blankan panon.«

»Mi ne ekmemoris pri tio«, respondis la paŝtisto.

»Venu do kaj manĝu nun«, ordonis la mastrino.

La manĝaĵo ankaŭ gustis bone, nur se la mastro per siaj vortoj ne estus difektinta la apetiton, ĉar dum la manĝado li diris :

»Satmanĝu kaj konduku poste la junan ĉevalinon al la maljuna ĉe la kampfino, vi povos rajdi.«

Ĉi tio rondirigis la manĝaĵon en la buŝo de la knabo, forigis la apetiton kvazaŭ per unu bato. Ĉar kio estas manĝi kompare kun la plezuro sidiĝi sur la dorson de la juna ĉevalino kaj rajdi. Oni sidas kvazaŭ sur varmaj kusenoj kaj ĉio nur balanciĝas. Neniom da skuiĝo, nek doloro, kiel sur la maljuna ĉevalino, kies postkolo estas kvazaŭ tranĉildorso kaj kies piedo dum la kurado rigide frapadas la teron.

Revenante hejmen de la ĉevalkondukado, la knabo estis tre gaja. Tute klare li sentis, ke hodiaŭ efektive estas la unua pentekosta festtago kaj ke la banejonklo paŝtas anstataŭ li. Se la sonorigisto estus havinta la afablecon nun sonorigi la preĝejsonorilojn, ili estus sonintaj tute alimaniere, ne tiel, kiel matene, kiam li sidis ĉe la kortpordego. Ili sonus kun granda ĝojo, kvazaŭ la knabo sidus ĉiam ankoraŭ sur la dorso de la juna ĉevalino kaj galopadus, galopadus.

El la estona : *Agnes Nii.*

---

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

G. K. Warszawa (Pollando). *Sincere dirante, mi ne komprenas la aŭtoron mem. Li estas ja unu el niaj plej ŝataiaj kolegoj kaj kunbatalantoj. Per fajraj artikoloj li klopodas teni flagranta la flamon de la esp-istoj, parolas pri la interna ideo, brave kaj persiste sugestas la necesecon de aparta esp-ista etiko kaj subite nun li verŝas akvon sur la fajron. Stranga konduto.*

*Kion mi opinias pri la demando mem ? Nediskutinda problemo. Ni bezonas* literaturon. *Ĝi entenas originalajn kaj tradukitajn verkojn. Verdire la originala literaturo de Esperanto estas tre juna, malforta, sed* ne neglektinda, *ĉar sole ĝi povas respeguli la specialecon de tiu kulturo, kiu nun evoluas en la utero de la tempo. Finfine la esperantistaro estas internacia popolo, bezonanta propran karakterizan literaturon. En la tradukita literaturo oni ne povas trovi spegulbildon pri la popolo, kiu — malgraŭ la asertoj de la artikolverkinto — apartenas al la reala vivo. La traduko havas apartan taskon en nia lingvoevoluo. Ĝi poluras la lingvon. La originalo popularigas la poluritajn esprimojn. Estus tre domaĝe timigi la infanon, kiu nun lernas paŝetadi. Nia ŝatata kolego miras pri tiu entuziasmo, per kiu la esp-istaro dorlotas la anemian infanon. Kial miri ? Ĉiu patrino fieras pli pri sia propra ido ol pri la bubo de la najbarino. Eble ŝi sentas doloran envion vidante, ke la bubo estas pli fortika ol la propra ido, sed ŝi esperas nutri kaj eduki tin sana kaj plenforta per la patrina amo. Tiu patrina amo evidentiĝas en la entuziasmo de la esp-istaro al la originala literaturo kaj mi komprenas la patrinan korbaton: fileto, estu forta, lernu kaj havu memfidon, por ke ankaŭ vi fariĝu iam tiel granda kiel la bubo de la najbarino !*

*Sinceran respekton mi havas al ĉiuj miaj kolegoj, kiuj laboras sur la literatura kampo, ĉar ilia senlaca laboro maturigas la frukton : la spontanean rekonon de nia kulturnovado. Niaj verkistoj kaj tradukistoj samgrave plenumas siajn taskojn. Mi estas konvinkita, ke la aŭtoro de la artikolo ne havis la celon subpremi la vivon de la burĝoniĝanta floreto de tiu modesta bedo, en kiun la unuan semon plantis nia Majstro mem. Li volis — mi pensas — sole averti la esp-istan publikon, ke nia originala literaturo ankoraŭ ne havas poeto- kaj verkistogigantojn, pri kiuj ni rajtus vere fieradi, kaj ke la neglektado de la tradukita literaturo entenas gravan danĝeron por la lingvoevoluo. Kaj li estas prava. Kiel ĉiu aktiva batalanto, ankaŭ li havas momentojn, kiam la* senpacienco *vekas en li ioman pesimismon. Fakte, ni ne havas proprajn, Goethe, Dante, Shakespeare, Balzac, sed mi demandas, kiu nacia lingvo havis tiajn gigantojn en la unuaj jardekoj de la lingvokulturo ? La nuntempaj originalaj*

*aŭtoroj formas ŝtuparon kaj preparas la vojon de la espistaj geniuloj. Ni nuntempaj estos forgesitaj, sed ne grave*... sen ni, *malfortaj, sed persisthavaj kulturlaboristoj*, neniam povus alveni tiu, kies apero estos la krono de nia lingvoevoluo. *Ni, vojpreparantoj, sinofere toleras la neglekton, mokon, maljustajn akuzojn de la ekstermovada publiko kaj la dornokaresajn kritikojn de niaj recenzistoj, lingvisto-papoj, ĉar ni ne rigardas la estantecon, sed la estontecon, ĉar nia amo al la lingvo ardas en tiu sankta fajro de la destiniteco, kiun kompreni povas nur la inspiritaj animoj, la celkonsciaj laborantoj, la entuziasmaj legantoj. Ĉu originalan aŭ tradukitan literaturon?* Literaturon ! ! !



# OBSERVO

MALGRANDA KARAKTERIZO.

Priskribante siajn rememorojn pri la lastjara vizito de estonaj verkistoj al la finnaj, verkisto J. Semper esprimas sian admiron pri la patoso, pri la lirike-delikata esprimiĝo, malkaŝemo, ekzalta naiveco, kiuj lin surprizis en la parolad- kaj deklam-maniero de la finnaj kolegoj kaj li diras :

»Kiel ni ĉi tie, sude de la golfo, alimaniere rilatas al niaj propraj sentesprimiĝoj kaj al tiuj de aliaj ! Kiel ni mokridas pri amo, kiam ni amas, kiel ni vestas nin per ironio, kiam ni estas tro nudigintaj nin per konfeso ! Al ni naiveco sentiĝas infana kaj la plej altan gradon de entuziasmo ni nomas bovid-entuziasmo. Ni scipovas esti krudaj, kiam la koro estas plena je delikateco ; ni grimacas, artifikas, por vuali nian sincerecon kaj por malkaŝi nin nur al sciantoj, klarvidantoj. Oni devas ofte nin legi kvazaŭ divene, nian veran teniĝon serĉi malantaŭ kurba pozo. Nia memironio bruligas niajn sango-plumojn. Imagu por momento niajn poetojn dum kunestado sincere antaŭlegantaj unu al alia siajn plej intimajn versojn, plenajn je revoj, disreviĝoj, amemo, malespero : kiu post la deklamo ne jetus — almenaŭ enpense — ian moke afektan vorton, simple kiel spicaĵon? Kia do devus esti ĉe ni patoso aŭ sentesprimiĝo, kiu tuj per la unua rigardo hipnote silentigu la ironi-beston ?

De kio devenas tio, ke unuj estas pli kritikemaj, ironiaj, skeptikaj, aliaj pli patosaj, naivaj, malkaŝemaj ? Eble oni ne devas forgesi la influon de la socio kaj de la medio. Unuj estas kreskintaj en multrilate pli favoraj, facilaj vivkondiĉoj kaj en pli afabla medio, la aliajn preskaŭ neniam tuŝas karesa rigardo, ili produktadas plejparte spite al la ĉirkonstancoj, oni devigas ilin iĝi kritikemaj — ne nur kontraŭ siaj proksimuloj, sed ankaŭ kontraŭ si mem.

*

MARIE UNDER (nask. en 1883) estas talenta estona poetino, kiu per sia sudece malŝparema temperamento multfoje estas surprizinta nin. Ŝia unua poemaro »Sonetoj« aperis en la 1917-a jaro. Antaŭ tio oni estis trovinta en literaturaj gazetoj nur kelkajn ŝiajn poeziaĵojn plejparte prikantantajn la naturon, kiuj poste aperis en poemkolekto »Antaŭflorado«. »Sonetoj« kaŭzis multe da bruo, ili famigis la nomon de Under, kaj estas multaj kiuj ankaŭ nun konas la poetinon nur laŭ tiu ĉi poemaro. Oni akceptis »Sonetoj'n« kun granda entuziasmo, sed ankaŭ kun ankoraŭ pli granda malkontenteco kaj indigno, akuzante la poetinon je malmoraleco. Kaj efektive en la estona poezio unuafoje la erotiko ektriumfis kun tia kapturniga forto. »Sonetoj« estas mirinda pro sia nekontraŭstarebla patoso de vivebriiĝo, pro sia revolucia kuraĝo, kun kiu la poetino deskuas de si ĉion, ĉenantan la spiriton kaj la karnon.

La nordan luman printempon de »Antaŭflorado« estis sekvinta peza, varmega somero de »Sonetoj«. Sur la buŝo de la poetino jam paliĝis majo, tie ekpurpuris la matura julio. Per sia tuta estaĵo ŝi jetas sin en la vivon, volante ĝui ĉiun momenton :

»El vivpokalo trinki mi avidas,
Ĝin malplenigi febre mi rapidas.«

Sed tamen Under mem diras pri siaj sonetoj jene : »Ne estas tiuj miaj kantoj la plej belaj... « ,kaj efektive, kvankam en la sekvantaj poemaroj ankoraŭ konserviĝas la ĉeftono de »Sonetoj«, jam aliĝas sociaj motivoj kaj malespero de suferanta animo.. Jam dum la kreado de siaj sonetoj la animon de la poetino estis ekkaptinta averto pri pasemo de ĉio, ia dolora antaŭsento ne forlasas ŝin, sed malgraŭ tio ŝi ankoraŭ kantas :

»Ho, scias mi malgaji, — sed abunde
La ĝoj' ruĝbuŝa en la kantoj ridas.«

La tria poemaro »Blua Velo« enhavas belajn naturpriskribojn, je kiuj cetere abundas la tuta poezio de Under. La poetino volus malŝpare disŝuti sian tro ruĝan koron, ŝin ree kaptas en mortotimo la vivdezir', sed jam klare ŝi sentas : ĉiuj ĝojoj estas malĝojaj, ĉiu belo estas dolora. En ŝiajn versojn ŝutiĝas amara antaŭsento, ke tamen la morto iam postulos la koron kaj la nefinkantitajn korkantojn.

La poemaro »Sangokovrita«, same kiel »Blua Velo« enhavas ciklon de tre belaj urbpriskriboj, kiuj abundas je belaj kaj trafaj komparoj, kiuj estas karakterizaj por Under. En »Sangokovrita« estas tuŝitaj sociaj temoj, same ĉi tiu poemaro enhavas poemojn memanalizajn. Sentiĝas ia dubado, suferado, malkontenteco pri si mem, animduoneco — kaj nome ili donis temon al la plej belaj poemoj de Under. Interalie ni notu la poemojn »Mortemulo« kaj »Vespero« el la kolekto »Heredaĵo«.

La sesa poemaro »Voĉo el ombro« estas peza, turmentoplena, sed valora libro. La poetino vidas ĉie suferon. Si pentras al ni bildojn antaŭurbajn, kie regas mizero, ŝi gvidas nin en kadukulejon, ŝi lasas nin travivi kune kun ŝi sendormajn noktojn kaj ŝi kvazaŭ volas konvinki nin, ke restas nenio krom malespero. Under estas pasiva suferanto kaj tial la poemaro efikas iel aparte preme, senkonsole — malfacile estas trovi tian intensivan suferon ĉe iu alia estona poeto.

Ĉi tiun libron sekvis pli lumkolora poemaro »Ĝojo pri unu bela tago«, kiu enhavas naturpriskribojn kaj unu pli longan kortuŝan legendon »Ĉieliro«, kie temas pri morto de infano.

Per la sekvanta libro »Feliĉombriĝo«, en kiu estas kolektitaj baladoj, Under pliriĉigis la estonan literaturon, kaj ĉi tiu libro estas alte taksata.

En 1930 aperis ankoraŭ poemaro »Sub vasta ĉielo«. Ĝi enhavas aron da lirikaj notaĵoj pri naturbildoj kaj personaj travivaĵoj. Ion novan ĝi ne aldonas al la poezio de Under. Tial »Elektitaj versaĵoj, kie la lasta poemaro ne estas prezentita, ne multe suferas pro tio.

En la poezio de Under parolas al ni nuntempa sentoriĉa kaj komplika homanimo en maniero, antaŭe nekonita en la estona poezio. Ŝia lingvo estas son- kaj nuancriĉa, konvena por respeguligi plej delikatajn sentvibradojn, samtempe kuraĝa kaj plena je vivforto. La formon ŝi bone majstras.

Ni, estonoj, admiras Under ne nur pro ŝia talento, sed ŝi estas aparte kara al nia koro pro tio, ke en ŝia poezio parolas al ni senpere viva vivo kaj viva homo.

Krom la naŭ poemoj Under estas riĉiginta la estonan literaturon ankaŭ per tradukoj de konataj alilandaj verkistoj : Maeterlinck, Hofmannsthal, Baudelaire. El ŝia plumo aperis ankaŭ antologio de modernaj germanaj lirikistoj.

La internaciaj literaturamantoj havas la eblecon pere de »Elektitaj versaĵoj« konatiĝi kun la poezio de la malgrandnacia poetino Marie Under, tio estas la sola ebleco, ĉar en la nuna momento nur en Esperanto ekzistas tia kompleta kolekto de tradukitaj Under-poemoj.

*Hilda Dresen.*

## AUGUST GAILIT.

August Gailit, nask. en 1891 j., apartenas al la plej bonaj estonaj novelistoj kaj stilistoj. Li estas romantikulo, kies kreanta fantazio ŝatas senlimaĵojn. Li gvidas nin en nekonatan al ni mondon, kreas neordinarajn situaciojn, konatigante al ni homojn ankaŭ neordinarajn kaj eble eĉ strangajn.

En siaj unuaj novelaroj li estas cinika, paradoksa, ekstreme spitema kaj primokanta ĉiujn sanktaĵojn.

Apartan atenton altiris lia en 1928 j. aperinta 400-paĝa romano »Toomas Nipernaadi«, konsistanta el sep apartaj noveloj. Pere de ĉi tiu libro, plena je humoriĉa kaj gracia fantazio, Gailit kreis plastikan, originalan tipon en la estona literaturo: maltrankvilan romantikulon kaj fantaziulon, grandan libervolan rezignanton, infanan senzorgulon, heroon de persona libereco kaj originaleco. — Stranga, kiel lia nomo — estas la heroo mem. Ne mankas eĉ ia aparta malgajeco en lia karaktero, sed sian optimismon li neniam perdas.

En la libro estas rakontitaj liaj aventuroj, travivaĵoj, daŭrintaj de fruprintempo ĝis malfrua aŭtuno; dum tiu tempo, li, forskuante de si ĉiun memoron pri la urbo, vivas konforme al sia koro, donante liberecon al sia fantazio. »Nipernaadi neniam mensogas« —, li diras pri si. Li fantazias, mem sincere kredas al siaj mensogaĵoj kaj entuziasmiĝas pri ili.

La esperantigita »Perloserĉanto« eble donos al la legantoj malgrandan imagon pri la tuta verko.

*Hido.*

# RECENZO



MARIE UNDER: ELEKTITAJ VERSAJOJ. El la estona lingvo tradukis *Hilda Dresen*. 95 paĝoj. Eldono de Esp. Asocio de Estonio en Tallinn 1929. Prezo: 1.50 est. kr. (2 sv. fr.) plus sendkostoj.

»Liriko mortas, mutas ĉi epok'«
(Babits-Kalocsay)

Ĉu vere minacas morto la verson? Ĉu la liriko povas iam ajn malaperi? La estonto de la poezio estas vualita. La verso, la vera karno kaj sango de la poezio, en nia epoko montras nekontesteblajn simptomojn de disfalo. La poezio de l' nuno per la tre teraj voĉoj de l'Vivo kaj Prozo miksiĝis en la koncerton de l' Alta Kanto nutrita per sanktaj tradicioj. La rezulto: blindo kaj konfuzo, ŝajne testamentitaj de la nuna Eŭropa poezio al la venontaj generacioj. Hodiaŭ eble ĉiu poeto batalas *kun* la verso, aŭ *kontraŭ* ĝi; en ĉiu hodiaŭa poeto batalas la verso: dubrezulta batalo.

Ĉu tiu ĉi malrapida disfalo de la verso signifas ankaŭ la mortadon de la poezio? Eble la poezio, kiel kolora kaj pimpa infanvesto, jam ne taŭgas plu por nia plenkreska kaj sobra generacio kaj jam venas la tempo, kiam ankaŭ ĝi, kiel la antikvaj mitologioj, estos nur dolore bela rememoro pri la infaneco de la homaro?

La procedo, en kiu la verso ĉesis esti granda, viva, sociala arto, pli kaj pli perdinte sian gravecon en la anima vivo de la homaro, identas al tiu procedo, kiu la verson apartigis de la muziko, formante el la kantita verso skanditan, el la skandita deklamitan, kaj fine sole legitan, el la laŭta verso mutan. La lasta stacio de ĉi tiu evoluo estas la *libera verso*, rezignanta pri ĉiu kontakto kun la muziko. Kaj ĉi tie strangan fenomenon ni observas: la poezio, volanta descendi de siaj eteraj altoj kaj paroli per la lingvo de l'popolo, de l' vivo, nur malproksimiĝas de tio, kion ni povas nomi sociala kaj viva arto, ĝi fariĝas senefika ludo de malmultnombra skolo.

La Eŭropa literaturo estas unueca kaj nedividebla, ĝiaj kulminoj kaj krizoj ĉie identas. Sed estas fakto, ke la krizo ne estas tiom aktuala en kelkaj »malgrandaj literaturoj« kiom en la literaturoj de la grandaj mondlingvoj. En ĉi tiuj malgrandaj landoj la poetoj ankoraŭ ne perdis la kontakton kun la popolo. En ili la spirita vivo forte fermentas, ilia kulturo staras antaŭ radikalaj ŝanĝoj; en tiaj kultur-transformaj tempoj la poezio trovas sian vojon al la publiko kaj la poezio subite ekfloras. Ĉar la krizo de la poezio estas nur ŝajna, la sentempa poezio vivas sendepende de historio kaj kulturo, kaj inter favoraj cirkonstancoj ĉiam trovas siajn elektitajn adeptojn. Nek la poezio, nek la verso estas ja submetitaj al krizo: la *publiko* vivas sian krizon, gustan kaj spiritan.

En Estonlando oni ankoraŭ legas poemojn, en Estonlando oni eldonas esperantigitan verslibron.

Maria Under estas denaska lirikisto. Ŝia liro ne estas multkorda, sed ĝi estas sonoranta kun fajna vibro. Nordaj pejzaĝoj, nordaj kreskaĵoj, paduso, siringo, astero, nordaj kaj noktaj stratoj, nordaj belo kaj tristo inundas tiujn ĉi versojn. Tamen ŝia tuta poezio estas *heliotropa:* kun pieca avido ŝi turnas sin al la vivo, al la *suno*. Tiu ĉi norda sopiro al la vivo — pli klare sentebla en ŝiaj fruaj poemoj — manifestiĝas ankaŭ en ŝia prefero al la sudaj versformoj: soneto kaj tercino. Kaj en la froste pala lumo de helaj noktoj ekfloras sude la sopiro en kuntrena erotiko:

Ho, noktoj lumaj ĝis malfrua hor',
Nek maro, nek ĉiel' nun dormi povas,
Trankvilon nia sango plu ne trovas,
Ardegas deziregoj en la kor'.

Ho, noktoj lumaj, ĉenoj, el arĝent':
Sekrete en la silka sin' de l'floroj
Vekiĝas tremetante bonodoroj,
Fabelojn kantas akvoj en silent'.

Karesas harojn orajn vent-ektuŝo,
Okuloj brilas pro mister-abundo,
Flustradas songojn tero nun sen vort'.



Marie Under

Kaj ĉiam pli purpur-ruĝiĝas mia buŝo,
La plenmaturajn kisojn nun ĝis fundo
Dekisi estus super ĉies fort'.

Senĉesa sinsekvo de ekstazaj himnoj al amo, vivo, sopiro jubilas en la poemoj prenitaj el la du unuaj volumoj de l'poetino (Antaŭflorado kaj Sonetoj). Sed poste, subite, la sopirpurpuro nigriĝas kvazaŭ koaglinta sango.

La koro ardas, kvazaŭ gi estus nun festo ĝoja, festen' solena,
Sed efektive ĝi estas brulo, pere' terura, turmentoplena.

Mi volus, kvazaŭ en rozarbuston, min jeti en pasioflamojn,
Por ke kruele sangigu dornoj, dum pluv' petala, nun miajn manojn!

Kaj dum feliĉo senguste naŭza, dum granda ekstaz' de sinturmento,
Elverŝi plenan venenpokalon, ĝisrande ŝaŭmantan de dubfermento.

En la postaj poemoj ankoraŭ resonas kelkfoje la ekstaza vivĝojo, kiel ekzemple en la himne freŝa »Kanto de gejunuloj«. Sed pli kaj pli profundiĝas la nuancoj, la poetino pli kaj pli turnas sin de la helaj, ĝojfloraj kampoj de korpa ĝojo al la profundaj ŝaktoj de la animo:

Sur folioj rustaj de saliko brue la aŭtuno festas,
Ju pli malgrandiĝas vi, des pli granda nokto estas.

Nuda en la Absoluto, vi: estas nur senlim' kaj eta koro,
Tra mallumo densa ĝi ardetas kvazaŭ la aŭroro.

Kaj kun sugesta, preskaŭ mistika forto, sentigante per mirinda konjektigo la tutan homan sorton, kulminas ĉi tiu poezio en la mallonga, sed potenca poemo: »Mortemulo«.

La mondbrulo kaj la postmilitaj suferoj la reageman poetinon forlogis de la prikanto de individuaj sentoj kaj tristoj. Kaj eble ne ĉiam je la avantaĝo de ŝia poezio. Sed ankaŭ inter ĉi tiuj poemoj troveblas nerezisteble fortaj: el ili mi licu mencii la »Antaŭurbon« kaj la »Kadukulejon«.

Sed mi ne intencis detale analizi la Under-an poezion, pri ĝi ja temas ankaŭ alia artikolo en ĉi tiu numero. Mi aldonas nur, ke la espaj versoj de la tradukintino estas eminente bonaj. Ŝi estras la lingvon, ŝia ritma sento kaj rimtrova preteco estas surprizaj. Kelkfoje sentiĝas ankoraŭ ia eta rigideco en la esprimkonstruo, kelkloke eble kun iom da fortostreĉo oni estus povinta forigi ŝtopvorteton, sed ĉi tiuj riproĉetoj, sensignifaj, estas faritaj kun la plej granda pretendo. La plejparto de la poemoj estas lingve, stile, esprimpove senriproĉa. La tradukintino, kiu lastatempe aperigis ankaŭ originalajn poemojn tre atentindajn, certe estas unu el la malmultaj majstroj de la espa verso.

Ĉu la elekto estas tute perfekta, tion apenaŭ mi povas prijuĝi, anstataŭ la baladoj mi prefere estus leginta pluajn lirikajn poemojn. Sed la libro certe enhavas tre belajn, kelkajn tute aparte belegajn pecojn, kaj montras al ni komplete tre interesajn trajtojn de tre interesa poeta individuo.

De Hilda Dresen senpacience ni atendas estonan lirikan antologion.

*Ludoviko Totsche.*

ESTONIO. Eldonis: Esperanta Turista Komisiono. Tallinn 1930. GVIDLIBRO TRA TALLINN. Sama eldono.

Blukolore salutas nin la kovriloj de tiuj ĉi konigaj kajeroj: blua estas la estona nacia koloro, kiel bluaj estas la okuloj de tiu ĉi blonda kaj bona popolo. Malmultnombra nacio; tamen ĝi kaŝas en si nemortigeblan energion kaj volon al la vivo, al la sukcesa evoluigo de sia nacia kulturo. Historio plena de konstanta batalo kontraŭ fremdaj influoj kaj subpremoj: germana, sveda, rusa regadoj alterne klopodis kun la akaparo de l' politika potenco transformi ankaŭ la estonan kulturon al sia bildo. Senfrukta klopodo! La jarcentaj invadoj ne povis ekstermi la estonan lingvon, tiun ĉi surprize belan esprimilon de l' estona animo. Ĝi gardis sian vivon sur la lipoj de l' popolo en la melankoliaj melodioj de l' popolkantoj kaj en la heroa poemo »Kalevipoeg«. La nacioj vivas en siaj lingvoj!

»Estonio« donas mallongan historion, skizajn konigojn pri la geografio, ekonomia stato, agrikulturo, industrio, ŝtataj financoj, valuto, edukado, kulturo de la lando. La tekston ilustras kelkaj sukcesaj fotografaĵoj kaj uzeblaj statistikaj tabeloj. »Gvidlibro tra Tallinn« servas por vizitontoj de l' ĉefurbo.

La uzo de la landnomoj ne estas unueca. Dum »Estonio, Germanio, Latvio« sincere deklaras la preferon al la »svisa dialekto«, »Britlando, Svedlando, Belglando« nur kaŝe simpatias kun ĝi. La nefeliĉa trouzo de la sufikso »-ad« ĝenas.

La libretoj certe allogos novajn vizitontojn al la bela estona lando, kiu abundas je pli ol 1.500 lagoj.

*Ludoviko Totsche.*

---

*La nuna numero de nia revuo estas dediĉita al la **estona literaturo kaj arto**. De tempo al tempo ni intencas eldoni tiajn naciajn numerojn, kies redaktadon surprenas redakta komitato de la respektiva nacio. La nunan estonan numeron redaktis **Helmi kaj Hilda Dresen kaj A. Jöger.** Pro la estona numero la daŭrigo de la Esperanta Rimo de Kalocsay kaj pluraj artikoloj de la rubriko Diskuto aperos nur en la venonta numero.*

---

# KONKURSO

Literatura Mondo anoncas konkurson por originala Esperanto-romano.

KONDIĈOJ:

1) La temo estas laŭplaĉa.

2) Amplekso: maksimume 300.000 litertipoj.

3) La verkon oni sendu sub pseŭdonimo ĉemetante la veran nomon en fermita koverto, signita per la pseŭdonimo.

4) Maŝinskribo unuflanka kun marĝeno ĉ. triono de la larĝeco.

5) Limtempo: 30-a de junio 1931.

**JUĜANTA KOMITATO:**

Julio Baghy, Karlo Bodó, Jean Forge,
K. Kalocsay, Raymond Schwartz

**PREMIO:**

300 t. e. tricent pengoj.

Konkursante oni konsentas pri la senpaga publikigo en Literatura Mondo kaj pri la kutime honorariata eldono en libroformo.

Se la verkoj ne atingus certan nivelon, la komitato rezervas por si la rajton pri la eventuala nealjuĝo aŭ dispartigo de la premio.

**LITERATURA MONDO**

---

*Kovrildesegno kaj inicialoj de pentrartisto **Blau***

## REDAKCIA ANGULO

*S-anoj M. Petit, Francujo; Franjo Modrijan, Ljubljana; W. Hawords, Penn.* Neuzeblajn manuskriptojn ni resendas nur, se oni aldonas respondkuponon. Bonvolu ĉe estontaj sendadoj memori tiun regulon nian.

*Fr. E. Berlin kaj F. L. Uppsala.* Ni konstante ricevas leterojn, jen admonajn, jen laŭdajn, jen riproĉajn pri la enhavo kaj eksterajo de nia gazeto. Ni ĉiam akceptas bonvolajn kritikojn viajn, sed nun ni estas iom embarasitaj. *S-ano Fr. E.* deklaras la opinion de si kaj kelkaj aliaj, laŭ kiu nia gazeto nun estas pli moderna, ol antaŭe, do pro tio multaj ne abonas, *s-ano F. L.* opinias, ke ni devas esti multe pli aktualaj kaj modernaj laŭ la aranĝo de la modernaj magazinoj. Prefere ol pligrandiĝi, ni fariĝu pli aktualaj. Kies konsilon ni do akceptu?

*Al multaj nezorgemuloj.* Punafrankon por neniu ni pagas. Malĝuste afrankitajn leterojn kaj kartojn ni resendas.

*Fino Weinstein, Warszawa.* Aŭtoroj ricevas po 3 ekz. senpage.

*J. M. Arnhem.* La poemo estas tre ĉarma, sed taŭgas precipe por infana rubriko de gazeto, kian provizore ni ne havas.

*Al multaj.* Ni petas, kiel eble, maŝinskribitajn, sed nepre tre klare skribitajn tekstojn. Krome la maŝinskribo havu liniajn interspacon kaj marĝenon.

*Liston de nepresotaj manuskriptoj* oni atentu en la sekva numero.

*S-ro Hartog, Baarn.* Honorarion ni pagas nur por artikoloj, menditaj, aŭ presitaj en la rubriko Observo.

*S-ro Vécsey, Novi-Sad.* Demandita Altenburger-gramatiko momente nehavebla. Se ni havigos ekzempleron, ni sendos. Same pri la koncerna numero de LM.

*A. Zetterlund, Stockholm.* Dankon por via letero. Ni esperas, ke vi helpos nin ankaŭ en la varbado.

### *Neologismoj*

Laŭ la peto de multaj legantoj de nun ni klarigos ĉi tie la sencon de la pli maloftaj neoficialaj vortoj:

| | |
|---|---|
| agnoski : rekoni | fajna : delikata |
| ascendi : supreniĝi | jubili : ĝojkrii |
| aprezi : valortaksi (ŝate) | kontesti : nee pridiskuti |
| descendi : malsupreniĝi | pimpa : troornamita |
| eskapi : rifuĝi forkure | trista : malĝoja. |

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.